# *Enhavo*



# Vi trovos

malnovan konaton sur la unuaj paĝoj: la teksto de Umberto Eco estas ne nur en, sed ankaŭ pri Esperanto. Temas pri eltiraĵo el lia famiĝinta libro pri la serĉado de perfekta lingvo, nun aperonta ankaŭ Esperante. Alia fama apoganto — kaj scipovanto — de nia lingvo estas la ĉina verkisto Bakin (eble vi trovos lin kiel Ba Jin aŭ Pa Chin en viaj nacilingvaj bibliotekoj), kies 90-an naskiĝtagon ni salutas per biografia eseo de Shi Chengtai (p. 164-165).

La novaj kotizoj, nur iom pli altaj (p. 166), ne hezitigu vin jam nun membriĝi aŭ remembriĝi en UEA. Ni esperas ke la nivelo de niaj servoj, interalie de ĉi tiu revuo, pruvas ke temas pri inda investo.

Alia movade grava investo estas antaŭmendi ĉe Internacia E-Instituto, ĝis la fino de la jaro, la lingvo-instruan vidbendon *Mazi*, kiu jam ĉarmis la genepojn de Andrzej Pettyn (p. 171).

*La kovrilo:* La Babelturo, jam kliŝa kiel simbolo de lingva kaj komunika konfuzo, staras ankaŭ sur la titolpaĝo de la Eco-libro. La bildo kiun ni reproduktas, venas el verko de Athanasius Kircher (1679).

## esperanto

Oficiala organo de
Universala Esperanto-Asocio
(en konsultaj rilatoj kun UN kaj Unesko)

**Aperas** monate (escepte de aŭgusto).

**Fondita** en 1905 de M. P. Berthelot (1882-1910). **Establita** kiel organo de UEA en 1908 de Hector Hodler (1887-1920). **Legata** en 115 landoj. **Voĉlegata** por blinduloj.

**Redaktoro:** István Ertl.

**Abonprezo:** varias laŭlande (gld. 58,30; US$ 32; GM 51; enoj 4320; ktp); petu informojn ĉe via landa asocio aŭ de la ĉi-suba adreso. Unuopa ekzemplero kostas 5,50 guldenojn.

**Anonctarifo** (gld.): 1 p. 1900, 1/2 p. 1050, 1/4 p. 575, 1/8 p. 310, 1/16 p. 175. Movada rabato 50%. Eksterakovrilaj anoncoj kostas duoble. Rabato por tuja ripeto 20%.

**Adreso de la Centra Oficejo de UEA:** Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando.

**Telefono:** (010) 436 10 44; 436 15 39.

**Telefakso:** (010) 436 17 51.

**Telegramoj:** ESPERANTO ROTTERDAM.

**Banko:** Bank MeesPierson, Postbus 749, 3000 AS Rotterdam (konto n-ro 25.52.89.804). Nederlanda poŝta ĝirkonto: 37 89 64 (ĝiroficejo Den Haag).

**Ĝenerala Direktoro:** Simo Milojević.

**Direktoro de la CO:** Osmo Buller.

## Estraro de UEA

**Prezidanto** (kunordigado, reprezentado): prof. d-ro John C. Wells, 5 Poplar Road, London, Britio SW19 3JR; tel. +44/(0)81/542-03-02; fakso 715-40-10.

**Vicprezidanto** (landa kaj regiona agado): d-ro Ulrich Lins, Gemarkenstr. 150, DE-51069 Köln, Germanio; tel. +49/(0)221/680-32-50.

**Ĝenerala Sekretario** (informado, eksteraj rilatoj, CED): s-ro Mark T. Fettes, 695-B King Edward Avenue, Ottawa, Ontario, Kanado K1N 7N9; tel. +1/613/565-92-82; fakso 565-92-79.

**Estrarano** (financo): s-ro Hans Bakker, Kastelenstr. 231-II, NL-1082 EG Amsterdam, Nederlando; tel. +31/(0)20/642-18-53.

**Estrarano** (azia agado): prof. d-ro So Gilsu, Yangchon PO Kesto 11, Seoul — 158-600, Korea Respubliko; tel. kaj fakso +82/(0)2/646-54-13.

**Estrarano** (kulturo, kongresoj): s-ino Michela Lipari, Viale Giulio Cesare 223, IT-00192 Roma, Italio; tel. +39/(0)6/39-72-61-98; fakso 39-72-61-69.

**Observanto** (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj [ILEI]): s-ino Marija Belošević, Sveti duh 130, Ćrnomorec, HR-41000 Zagreb, Kroatio; tel. +385/(0)41/576-092; fakso 428-847.

**Observanto** (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo [TEJO]): s-ro Danny ten Haaf, Clarensteeg 2 G, NL-2312 WJ Leiden, Nederlando; tel. kaj fakso +31/(0)71/148-801.

*Umberto Eco:*

# La serĉado pri perfekta lingvo

**En pasintaj novembro (p. 181) kaj marto (p. 41) ni informis pri la lanĉo de *La ricerca della lingua perfetta* ("La serĉado pri perfekta lingvo") de Umberto Eco, kaj pri la impona traduklaboro de Daniele Mistretta, kiu esperantigis la ampleksan verkon. La libro aperos post kelkaj monatoj ĉe Edistudio en Italio. Anticipe ni publikigas tiun parton de la antaŭlasta ĉapitro kiu traktas, interalie, la politikajn eblojn de internacia helplingvo.**

## Teoriaj obĵetoj kaj kontraŭobĵetoj

Unu fundamenta obĵeto al kiu ajn aposteriora lingvo[1] estas ke ĝi ne celas eltrovi aŭ arte reorganizi universalan enhav-sistemon, sed ĝi strebas ellabori esprim-sistemon sufiĉe facilan kaj elastan, kapablan esprimi la enhavojn kiujn la naturaj lingvoj kutime esprimas. Ĉi tio, kio ŝajne estas praktika avantaĝo, povas esti konsiderata kiel teoria limigo. Se la aprioraj lingvoj estis tro filozofiaj, la aposterioraj ne estas tiaj sufiĉe.

Neniu subtenanto de Internacia Helpa Lingvo (IHL) starigis al si la problemon pri la lingva relativismo aŭ zorgis pri tio ke malsamaj lingvoj organizas la enhavon en manieroj malsamaj kaj reciproke nerilatigeblaj. Oni taksas certa la fakton ke ekzistas en ĉiuj lingvoj esprimoj iel sinonimaj, kaj Esperanto fieras pri sia vasta rikolto da tradukoj de literaturaĵoj kiel pruvo de sia kompleta "esprimivo" (tiun punkton pridebatis, de diversaj pozicioj, du aŭtoroj komunigitaj de la tradicio kiel subtenantoj de la lingva relativismo, nome Sapir kaj Whorf; pri tiu temo kp. Pellerey 1993: 7[2]).

Sed se aposteriora lingvo taksas certa la ekziston de enhav-sistemo egala por ĉiuj lingvoj, tiu ĉi enhavmodelo fariĝas fatale la okcidenta modelo: malgraŭ siaj klopodoj malproksimiĝi kelktrajte de la hindoeŭropa modelo, ankaŭ Esperanto entute modliĝas laŭ ĝi, kaj leksike kaj sintakse, kaj "la situacio estus tre malsama se la lingvon estus inventinta japano" (Martinet 1991: 681[3]).

Oni povas juĝi tiujn obĵetojn nekoncernaj. La punkto de teoria malforto povas fariĝi punkto de forto praktika. Oni decidas ke la dezirata lingva unuiĝo povas okazi nur per alpreno de lingva modelo hindoeŭropa (kp. Carnap en Schilpp 1963: 71[4]). La decidon fortikigus la faktoj, konsidere ke *en la nuna tempo* la aferoj marŝas tiel, ekzemple oni vidu ke ankaŭ la ekonomia kaj teknologia evoluo de Japanio apogas sin sur la akcepto de vehikla lingvo hindoeŭropa kiel la angla.

La motivoj kiuj trudis kaj la naturajn lingvojn kaj la vehiklajn estas ĉefe eksterlingvaj; se pritrakti la lingvajn kialojn (facileco, racieco, ekonomieco ktp), la variabloj estas tiom multaj ke ne ekzistas "sciencaj" argumentoj por kontraŭdiri Goropio Becano-n kaj liajn adeptojn, kaj ekskludi ke la flandra estas la lingvo plej facila, laŭnatura, dolĉa kaj esprimiva en la universo.[5]

> *"Esperanto povus funkcii kiel internacia lingvo danke al la samaj kialoj pro kiuj la saman rolon plenumis naturaj lingvoj."*

La hodiaŭan sukceson de la angla determinis unue la disvastiĝo de la kolonia imperio brita kaj poste la hegemonio de la teknologia modelo usona. Oni ja povus argumenti ke la disvastiĝon de la angla faciligis la fakto ke en tiu lingvo svarmas la unusilabaj vortoj, kaj ke ĝi kapablas ensorbi fremdajn terminojn kaj formi neologismojn, sed se Hitler estus venkinta kaj Usono estus nur konfederacio da ŝtatetoj ne pli fortaj kaj stabilaj ol tiuj de Centra Ameriko, ĉu oni ne povus supozi ke hodiaŭ la tuta globo same facile parolus la germanan, kaj germane oni reklamus japanajn transistorojn ĉe la *duty free shop* (aŭ *Zollfreier Waren*)[6] de la Honkonga flughaveno? Cetere pri la racieco *nur ŝajna* de la angla lingvo (kaj de kiu ajn alia natura lingvo uzata vehikle) oni vidu la kritikojn de Sapir 1931.[7]

Esperanto do povus funkcii kiel internacia lingvo danke al la samaj kialoj pro kiuj, dum la jarcentoj, la saman rolon plenumis naturaj lingvoj kiel la greka, la latina, la franca, la angla aŭ la sŭahila.

Obĵeto tre forta datiĝas je la tempo de Destutt de Tracy, laŭ kiu universala lingvo estas tiom neebla kiom la eterna movo, kaj pro "nerefutebla" kialo: "Eĉ se ĉiuj homoj de la tero akordiĝus hodiaŭ paroli unu saman lingvon, tre baldaŭ, pro la uz-influo mem, ĝi ŝanĝiĝus kaj modifiĝus milmaniere en la diversaj landoj, kaj ĝi tiel naskus samnombrajn idiomojn malsamajn, kiuj malproksimiĝus iom post iom unu de la alia" (*Eléments d'idéologie*, 1801-1815, II, 6, p. 569).

Veras ke pro tiu ĉi sama motivo la portugala de Portugalujo kaj la brazila diferencas tiome unu de la alia ke de fremda libro oni kutime eldonas du malsamajn tradukojn; kaj estas komuna sperto de fremduloj la fakto ke, se ili lernis la lingvon en Rio, ili sidas en malfacilaĵoj kiam ili ĝin aŭdas en Lisbono. Sed oni povus respondi ke portugalo kaj brazilano daŭre komprenas unu la alian, almenaŭ pri tio kio koncernas la ĉiutagan vivon, ankaŭ tial ke la disvastiĝantaj amas-komunikiloj informadas la parolantojn de unu lingva varianto pri la malgrandaj transformiĝoj okazantaj ĉe la parolantoj de la alia varianto.

Subtenantoj de Esperanto kiel Martinet (1991: 685) juĝis "minimume naiva" la pretendon ke helpa lingvo ne transformiĝos aŭ disdialektiĝos dum sia disvastiĝo en diversaj mondopartoj. Sed se IHL restus helpa lingvo, kaj ne estus parolata en la ĉiutaga vivo, reduktiĝus la riskoj de paralela evoluo. La efiko de la amas-komunikiloj agantaj laŭ la decidoj de ia internacia kontrolakademio povus favori la konservadon de la normo, aŭ minimume ties kontrolatan evoluadon.

## "Politikaj" ebloj de IHL

Ĝis nun la vehiklaj lingvoj trudiĝis per tradici-forto (la vehikla latino mezepoka, lingvo politika, akademia, eklezia), aŭ per aro de faktoroj

malfacile pritakseblaj (la sŭahila, natura lingvo de afrika areo, kiu laŭgrade kaj spontane, pro komercaj kaj koloniaj kialoj, simpliĝis kaj normiĝis, tiel fariĝante vehikla lingvo por vastaj najbaraj regionoj), aŭ pere de politika hegemonio (la angla post la dua mondmilito).

Sed ĉu eblus al supernacia instanco (kiel UN aŭ la eŭropa parlamento) devige enkonduki iun IHL-on kiel *lingua franca*[8] (aŭ agnoski ties faktan disvastiĝon, kaj sankcii tion)? Ne ekzistas historiaj precedentoj.

Tamen oni ja ne povas nei ke pluraj cirkonstancoj ŝanĝiĝis; ekzemple tiu daŭra kaj kurioza interŝanĝo inter diversaj popoloj, kaj ne nur je altaj sociaj tavoloj, konata sub la nomo "amas-turismo", estas fenomeno tute ne okazinta en la antaŭaj jarcentoj. Same ne ekzistis la amas-komunikiloj, montriĝintaj kapablaj disvastigi sur la tutan globon kondutmodelojn sufiĉe homogenajn (kaj grandparte pro la amas- komunikiloj ja efektiviĝis la akcepto de la angla kiel vehikla lingvo). Tial, se al politika decido oni kunigus planitan kampanjon fare de la amas-komunikiloj, la elektita IHL povus facile disvastiĝi.

Se la albanoj kaj tunizianoj facile lernis la italan nur ĉar la teknologio ebligas al ili ricevi la italan televidon, des pli facile diversaj popoloj povus familiariĝi kun IHL, al kiu la televizioj tutmonde dediĉus sufiĉan serion da elsendoj ĉiutagaj, en kiu ekzemple oni ekverkus la papajn paroladojn aŭ la decidojn de la diversaj internaciaj instancoj, la instrukciojn sur la skatoloj de utilaĵoj, grandan parton de la elektronika softvaro, aŭ per kiu eĉ plenumiĝus la komunikado inter pilotoj kaj flug-kontrolistoj.

Tiu politika decido ankoraŭ ne okazis, kaj aspektis ege malfacile ĝin stimuli, sed tio ja ne signifas ke ĝin oni ne povus estonte efektivigi. Dum la lastaj kvar jarcentoj oni spektis en Eŭropo elformiĝadon de naciaj ŝtatoj por kiu estis esenca (kune kun perdogana protekt-politiko, konstituado de regulaj armeoj, energia altrudo de naciec-identigaj simboloj) ankaŭ kaj ĉefe la favorado same energia de unu nacia lingvo pere de la instru-sistemo, de la akademioj kaj de la eldonado. Kaj ĉio ĉi tio je malavantaĝo de la minoritataj lingvoj, tiom ke — en diversaj politikaj cirkonstancoj — oni ilin subpremis perforte kaj reduktis je rango de "lingvoj por mutuloj".[9]

Hodiaŭ male ni spektas rapidan tendenc-alidirektiĝon: je politika nivelo tendencas malaperi la doganaj baroj, oni ekparolas pri supernaciaj armeoj, kaj la landolimoj malfermiĝas; dum la lastaj jardekoj oni spektis en tuta Eŭropo respekto-politikon rilate al la minoritataj lingvoj. Dum la lastaj jaroj vidiĝis io eĉ pli revolucia, kion plej ekzemplodone elmontras la okazaĵoj post la dispartiĝo de la soveta imperio: la lingva diseriĝo ne plu estas taksata kiel akcidento, kontraŭ kiu oni devas trovi rimedojn, sed kiel instrumento de etna identeco kaj kiel politika rajto, io rehavinda eĉ koste de intercivitana milito. Kaj la sama proceso efektiviĝas, eĉ se alimaniere, sed ofte ne malpli sangoze, en Usono. La angla de la *Wasp*-oj[10] estis ja dum du jarcentoj la lingvo de la usona fandujo, sed hodiaŭ Kalifornio ĉiam pli fariĝadas dulingva ŝtato (angla kaj hispana), kaj Nov-Jorko ĝin proksime postkuras.

Temas pri proceso verŝajne nehaltigebla. Se la tendenco por eŭropa unuigo marŝas samrapide kiel la tendenco al lingva multobliĝo, la sola ebla solvo estos plene adopti eŭropan vehiklan lingvon.

Inter ĉiuj objetoj plu validas tiu jam starigita de Fontenelle, kaj eĥita de d'Alembert en la enkonduka parolo al la Enciklopedio, pri la egoismo de la registaroj, kiuj neniam distingiĝis en la identigo de tio kio estas bona por la tuta homa socio. Eĉ se IHL estus malneglektebla bezono, monda asembleo kiu ankoraŭ ne kapablis trovi akordon pri la urĝaj manieroj por savi la planedon de la ekologia katastrofo, ne aspektas ema kuraci sendolore la vundon sangantan kiun kaŭzis Babelo.

Sed nia jarcento alkutimigas nin al tiaj akcel-procesoj de ĉiu fenomeno ke tio malinstigas ĉiun facilaniman profetaĵon. Trarompa forto povus ja esti la sento pri naci-digneco: fronte al la risko ke en estonta unuiĝo eŭropa povus superregi lingvo de unu nacio, la ŝtatoj havantaj malmultajn ŝancojn trudi sian lingvon kaj timantaj la superregon de alies lingvo (kaj do ĉiuj krom unu), povus eksubteni la alprenon de IHL.

### Limoj kaj esprimivo de IHL

Observante la multenombrajn strebojn fare de la plej disvastiĝintaj IHL-oj por sin legitimi per la tradukado de poeziaj verkoj, restas solvenda la problemo ĉu IHL kapablas naski artaĵojn.

Revenas en la menson, pro tiu demando, fama (kaj miskomprenita) spritaĵo atribuita al Leo Longanesi: "oni ne povas esti granda poeto bulgara". La spritaĵo enhavas kaj enhavis nenion ofendan rilate al Bulgario; Longanesi intencis diri ke oni ne povas esti granda poeto verkante per lingvo parolata de malmultaj milionoj da personoj, kiuj vivas en lando (kiu ajn ĝi estas) restinta dum jarcentoj ĉe la marĝenoj de historio.

Unuanivela interpreto de la pikfrazo estas ke oni ne estos agnoskata kiel granda poeto verkante per lingvo nekonata al la plimulto, sed tiu interpreto estas redukta, jam pro sia identigo de poezia grandeco kun disvastigiteco. Pli verŝajne Longanesi intencis diri ke lingvo riĉiĝas kaj fortikiĝas per la multenombraj eks-

## Alvoko al artistoj

La LKK de la 80-a UK invitas artistojn kiuj povus kontribui al la programo de la kongreso, sendi siajn proponojn al LKK (80-a Universala Kongreso de Esperanto, PL 338, FI-33101 Tampere, Finnlando) kaj kopie al la Konstanta Kongresa Sekretario (ĉe la CO en Roterdamo, adreso en la kolofono) ĝis la fino de januaro.

La propono enhavu: priskribon de la programo, nomaron de la plenumantoj, teknikajn kondiĉojn de surscenigo, provizoran buĝeton, kaj proponon pri la financaj aranĝoj. LKK klopodos respondi al ĉiuj kandidatoj ĝis la fino de marto 1995. La kandidatoj bv. konsideri ke la kultur-arta buĝeto de la kongreso estas modesta, tial prioritaton havos malaltkostaj projektoj.



*"La amas-komunikiloj montriĝis kapablaj disvastigi sur la tutan globon kondutmodelojn sufiĉe homogenajn."*

terlingvaj aferoj kiujn ĝi devas esprimi, per la kontaktoj kun aliaj civilizacioj, per neceso komuniki novaĵojn, per konfliktoj kaj renoviĝoj de la socio ĝin uzanta. Se ni havas popolon vivantan marĝene de la historio, kies moroj kaj klereco restas nevaria dum jarcentoj, ĝia lingvo, neŝanĝiĝinta, elĉerpiĝinta super siaj memoroj mem, rigidiĝinta en siaj jarcentaj ceremonioj, ne kapablos oferti sin kiel sent-eman ilon al nova granda poeto.

Sed tian obĵeton oni ne povus starigi kontraŭ IHL: ĝi ja certe ne restus limigita en la spaco kaj ĝi riĉiĝus ĉiutage kontaktante aliajn lingvojn. Ĝi povus prefere suferi rigidiĝon pro troa kontrolo fare de supera strukturo (esenca kondiĉo por ĝia internacieco) kaj ĝi ne nutriĝus per la ĉiutaga parolo. Veras ke al tio oni povus respondi ke la eklezia kaj universitata latino, jam rigidiĝinta pro la formoj de tiu gramatiko priparolita de Danto, kapablis produkti liturgian poezion kiel *Stabat Mater* aŭ *Pange Lingua,* kaj gajan poezion kiel *Carmina Burana.*[11] Sed same veras ke *Carmina Burana* ne samnivelas kiel *Dia Komedio.*

Al tiu lingvo mankus historia heredo, kun la tuta riĉeco interteksta de ĝi kunportita. Sed la vulgara lingvo de la siciliaj poetoj, de *La ĝesto pri la militiro de Igor* aŭ de *Beowulf* estis same juna, kaj iel ĝi sorbis la historion de antaŭaj lingvoj.[12] ★

NOTOJ

1. *Aposterioraj* estas tiuj artefaritaj lingvoj kiuj ĉerpas el jam ekzistantaj lingvoj, dum la *aprioraj* konstruiĝas sur propra lingvofilozofia bazo.

2. Pellerey, Roberto: *L'azione del segno. Formazione di una teoria della pragmatica del segno attraverso la storia della teoria della percezione e della determinazione linguistica nella filosofia moderna.* [La funkciado de la signo. Formulado de teorio pri signo-praktiko tra la historio de la percepto-teorio kaj de la lingva determinado en la moderna filozofio.] Doktora tezo pri semiotikaj esploroj, Bolonja Universitato, 1993.

3. Martinet, André: *Sur quelques questions d'interlinguistique.* En: Zeitschrift für Phonetik, Sprach- und Kommunikationswissenschaft, 1991, 44, 6, p. 675-687. Esperante: *Pri kelkaj problemoj de interlingvistiko: Intervjuo kun la franca lingvisto André Martinet* (François Lo Jacomo, Detlev Blanke). Rotterdam: UEA, 1993.

4. Schilpp, Arthur, red.: *The Philosophy of Rudolf Carnap* [La filozofio de R. C.]. London: Cambridge UP, 1963.

5. Goropius Becanus (Jan van Gorp) asertas en sia *Origines Antwerpianae* ("Antverpenaj originoj", 1569) ke la pralingvo de la homaro estas la flandra, ĉar laŭ li la antaŭuloj de la flandroj ne ĉeestis la Babelan lingvokonfuzon kaj sekve konservis la "Adaman lingvon".

6. Doganlibera butiko (angle kaj germane).

7. Sapir, Edward: *The Function of an International Auxiliary Language* [La funkcio de internacia helplingvo]. En: Psyche, 1931, 11, 4, p. 4-15.

8. *Lingua franca*: peranta, interkomunika lingvo.

9. En la originalo *le lingue tagliate* ("la fortranĉitaj lingvoj/langoj") aludas la samtitolan libron de Sergio Salvi (Milano: Rizzoli, 1975) pri minoritataj lingvoj de Italio.

10. *White anglo-saxon protestants* ("blankulaj anglosaksaj protestantoj"): tradicie, la reganta klaso en Usono.

11. *Stabat Mater* ("Staris la patrino...") kaj *Pange lingua* ("Kantu, lango..."): kristanaj himnoj el la 13-a jc., la unua de Jacopone da Todi, pri la krucumado; la dua estas unu el la kvar popularaj himnoj de Tomaso la Akvinano. *Carmina Burana* (12-a jc.) estas aro de gajaj kantoj de goliardoj (migrantaj studentoj) el Francio kaj Germanio.

12. *Siciliaj poetoj*: skolo en la 13-a jc., formiĝinta ĉirkaŭ la reĝa kortego de Frederiko la 2-a. *Ĝesto . . .*: rusa epopeo el la 12-a jc. *Beowulf*: praangla epopeo el la 8-a jc. En ĉiuj tri kazoj temas pri poezia uzo de lingvo troviĝanta je la komenco de sia literatura destino.

*Bakin 90-jara:*

# Esperanto en Bakin (unua parto)

DE SHI CHENGTAI

En 1970, kiam la tiel nomata Granda Kultura Revolucio iris en Ĉinio, fakte la Kvarpersona Bando en la nomo de revolucio detruis la kulturon sur la tero de Ĉinio: preskaŭ ĉiuj eminentaj intelektuloj tute estis "faligitaj". Eĉ la fama verkisto Lao She (1899-1966) kaj Fu Lej (1908-1966), tradukinto de verkoj de Balzac, Romain Rolland k.a., oponis kontraŭ la hororo de la ruĝa gvardio gvidata de la Granda Gvidanto kaj ties edzino, la Granda Standard-tenanto de la Kultura Revolucio, per sinmortigo. Iuj mortis dum turmentado de la ruĝa gvardio; kaj plejmulto da verkistoj, poetoj, artistoj kaj esperantistoj estis ekzilitaj, devigitaj reformi sian ideologion en "bov-stalo" per punlaboro; ĉiuj literaturaj verkoj fariĝis venenaĵoj feŭdisma, kapitalisma kaj reviziisma; librovendejoj ofertis nur verkojn de Prezidento Maŭ.

Sed tiam, en la najbara Japanio, iu germana junulo Ulrich Lins publikigis artikolon en la Esperanta revuo *L'Omnibuso*, titolitan: "Bakin: verkisto, anarkisto, esperantisto".[1] Lins skribis: "Tiu ĉi artikoleto celas resumi kelkajn faktojn pri unu preteratentata eminentulo de la Esperanto-movado: la ĉina verkisto Bakin." Fine de la artikolo li skribis: "sed ŝajnas, ke li transvivis la ruĝgvardiajn ekscesojn. Restas do espero, ke ni iam baldaŭ reaŭdos pri Bakin, nia neordinara samlingvano." Kiam la artikolo aperis, Bakin estis en "bov-stalo", suferis; eĉ, post du jaroj lian karan edzinon Xiao Shan prenis kancero. Dum la doloriga kaj turmenta tempo Bakin kontemplis sian karieron, ankaŭ en sia koro "restis do espero", tiel li travivis tiun teruran periodon de la ĉina historio kaj kuraĝe vivas plu.

Mia artikolo ne pretendas temi pri la vivo kaj verkado de nia estimata samideano Bakin, nur deziras skizi la spuron de esperantisteco en liaj kariero kaj idea evoluo.

Dum sia longa vivo Bakin spertis du signifoplenajn eventojn en la ĉina moderna historio, t.e. la Novan Kulturan Movadon de la Kvara de Majo (1919), kaj la fondiĝon de la Ĉina Popola Respubliko en 1949, laŭ kiuj ni dividas lian karieron je tri periodoj.

En la 25-a de novembro 1904, Bakin naskiĝis en riĉa bienula familio. Lia propra nomo estas Li Yaotang, alinome Li Feigan. Lia avo estis despoto de granda familio, kiu regis siajn familianojn laŭ la feŭdisma etiko. Lia patro, kiu antaŭ la Revolucio (1911) funkciis en la urbo Guangyuan (provinco Sichuan) kiel prefekto, forpasis kiam Bakin aĝis nur 13 jarojn; post 6 jaroj ankaŭ lia panjo forpasis. En la familio li deinfanece multe vidis malbonon en la vivo, kaj li simpatiis kun malriĉaj kaj malfeliĉaj homoj, amikiĝis kun pordistoj, servistoj kaj kuiristoj en sia hejmo. La malegaleco inter homoj en la familio instigis lian malamon al la feŭdisma sistemo kaj deziron por postuli demokration, liberon kaj egalecon. La tiamajn travivaĵojn li poste priverkis.



*Bakin (1904- )*

La Revolucio en 1911, gvidata de Sun Jatsen, faligis la feŭdisman Qing-dinastion (1644-1911). La juna Bakin povis viziti lernejon kaj lernis novajn sciojn; poste li studis la anglan lingvon en Chengdu Fremdlingva Instituto, komencis kontakti la novajn ideologiajn tendencojn el la Okcidento, inter kiuj la anarkiismo tre interesis tiun 15-jaran junulon. Tiam la ĉinaj anarkiistoj prefere uzis la internacian helpan lingvon Esperanton, kiel ilon por propagandi sian teorion, kaj ankaŭ fervore disvastigis Esperanton: ekz. Sifo (Liu Shenshu, 1884-1915) en sia revuo *La Voĉo de l' Popolo* aldonis paĝojn en Esperanto. La fama anarkiisto Muqin (Chen Xiaowo) tiam agadis en Sichuan. Kun li konatiĝis Bakin, kaj baldaŭ li fariĝis fervora disĉiplo de la anarkiismo kaj Kropotkin, multe legis pri anarkiismo, kaj pere de Muqin korespondis kun anarkiismaj apostoloj, inter kiuj Lu Jianbo (1904-1991) fariĝis lia intima dumviva amiko kaj samideano.[2] En iu gazeto el Ŝanhajo Bakin legis pri Esperanto en 1921, kaj li verkis artikolon "La trajtoj de Esperanto" por revuo (*Duonmonato*) en Chengdu. Tiam li komencis sian karieron de esperantisto. Poste korea studento en la Chengdu-a Supera Porinstruista Lernejo, Gao Zhixing (Yu Hwayeong, 1894-1961), leginte la artikolon, vizitis Bakin kaj proponis funkciigi E-kurson en Chengdu. Tamen, fakte Bakin mem ne scipovis la lingvon siatempe, li eklernis la lingvon de tiu korea junulo. Dume Bakin skribis leteron al s-ano Hujucz (1896-1986)[3] en Ŝanhajo, kiu tuj respondis al li, kaj en 1921 tiel komenciĝis ilia amikeco.[4]

La Movado de la Kvara de Majo spronis al ĉinoj aspiron pri la demokratio kaj scienco (kiujn ĉinoj nomis siatempe "du s-roj De kaj Scie"), ankaŭ pri diversaj ideologiaj tendencoj, inter kiuj anarkiismo kaj marksismo-leninismo estis pli akceptataj de la tiamaj ĉinaj intelektuloj, por haste reformi la feŭdisman post-restintan Ĉinion. Tiam la anarkiismon multaj progresemaj junuloj rigardis kiel novan socialisman ideologion kiu ebligas reformi la malnovan Ĉinion. La juna Bakin, sub la instigo de la revolucia tajdo de la Kvara de Majo, kun entuziasmo akceptis anarkiismon kaj deziris serĉi vojon al la lumo por sia popolo en sufero kaj mizero.

En printempo de 1923, Bakin kaj lia tria pliaĝa frato Li Yaolin veturis al Ŝanhajo por daŭrigi la studadon, foririnte el sia feŭdisma familio. Li diris poste: "Foririnte de la malnova familio, al kiu mi ne sopiras plu, kvazaŭ mi forĵetis teruran ombron."[5] Tiel li finis la unuan periodon de sia kariero kaj komencis la duan.

En aŭtuno de 1923 Bakin studis en la Supera Mezlernejo sub la Sudorienta Universitato en Nankino. En 1924 li plenumis sian esperantistiĝon: "En 1924 mi studis en Nankino, kiam mi trovis lernolibron de Esperanto, kiun mi lernis dum unu horo ĉiutage, seninterrompe. Post la lernolibro mi sendis monon al malgranda Esperanta librejo en Ŝanhajo, aĉetis librojn en Esperanto eldonitajn en la lando kaj

eksterlande, ankoraŭ dum unu horo (iam eĉ pli) ĉiutage legis ilin unu post la alia, dank' al helpo de vortaro (mi havis E-anglan vortaron eldonitan en Edinburgo, Britujo), neniun novan vorton preterpasis. En tiu librejo troviĝis nur kelkdekoj da titoloj, tamen, tiuj ankaŭ sufiĉis por mia bezono; kiun ofertis la librejo, tiun mi aĉetis. Unue mi tralegis la dikan *Fundamenta Krestomatio* kompilitan de la iniciatoro Zamenhof, sekve mi tralegis *Pola Antologio*, *Fabeloj de Andersen* kaj aliajn, ekz. *Vivo de Zamenhof* de E. Privat. Post malpli ol jaro mi jam povis libere uzi Esperanton, nur pli multe en korespondo kaj skribo."[6]

Esperantisto Bakin tiam ankoraŭ aktive propagandis la anarkiismon, li korespondis kun anarkiistoj fremdlandaj en Esperanto. En 1924 ankaŭ Lu Jianbo alvenis en Nankinon por studi, li unuafoje renkontiĝis kun Bakin, tiujare ili kune kun aliaj eldonis duonmonatan revuon (*La Popolamaso*) por disvastigi anarkiismon kaj Esperanton. Bakin verkis artikolon por revuo *Insekto-vekiĝo*, nome "La atako de la japana registaro, militistaro kaj la reakciaj partioj kontraŭ anarkiistoj dum la katastrofo de tertremo en 1923", tradukinte artikolon kiun japana anarkiisto verkis en Esperanto; kaj al la revuo *La printempa tondro* li kontribuis per esperantlingva artikolo laŭ raporto de japana anarkiisto, "La raporto de la Tokiaj anarkiistoj en la 25-a de okt. 1923".

En 1927 Bakin veturis al Francio por studadi. Tie li vore legis kaj zorge studis la historion de la franca revolucio. Lin forte influis Rousseau. Li frekventis buston bronzan de Rousseau en parko, kaj murmuris antaŭ ĝi pri sia ĉagreno post la malvenko de la Granda Revolucio de 1927 en sia patrujo. En 1979 Bakin rememoris post la refoja vizito al Parizo: "... antaŭ 52 jaroj mi staris tie multfoje en pluvetaj vesperoj, eldiris al 'verkisto revinta forigi subpremon kaj malegalecon' pri soleco kaj doloro en mi, fremdlanda junulo. Mi el la aŭtoro de *La konfesoj* gajnis konsolon kaj ellernis 'diri veron'."[7] En Francio Bakin ankoraŭ korespondis kun samideanoj kaj ofte vizitis librobrokantejojn ĉe Sejno. En 1928 li renkontis Hujucz en Parizo, loĝis duonan monaton en ties loĝejo, kaj laŭ peto de Hujucz li ĉinigis artikolon de Trockij pri Tolstoj por *Orienta revuo*, kiun Hujucz redaktis kaj eldonis en Ŝanhajo.

*(daŭrigo sekvas)*

NOTOJ

Ĉinaj, japanaj kaj korea nomoj aperas en la sinsekvo kutima en tiuj lingvoj.

1. *L'Omnibuso*, n-ro 5 (39), sept-okt. 1970, p. 1-4.
2. Pri Lu Jianbo vd. nekrologon en *Esperanto*, n-ro 1034 (2), feb. 1992, p. 40.
3. Nekrologo pri Hujucz: *Esperanto*, n-ro 962 (2), feb. 1986, p. 25.
4. Laŭ aperonta japana manuskripto de s-ino Simada Kyoko, studantino de ĉina literaturo, kiun liveris al mi s-ano Mine Yositaka.
5. *Plena Verkaro de Bakin*, Pekino: Popola Literatura Eldonejo, vol. 10, p. 69.
6. Bakin: *Penseroj*, Pekino, 1986, vol. 4, p. 15.
7. *Penseroj*, vol. 1, p. 88.

*Esperantologia Konferenco en la UK:*

# Esperantologii aziece

Konforme al la ĝenerala inklino de la Seula UK, la organizantoj elektis por la ĉi-foja konferenco la temon "Esperanto el azia rigardo", kaj varbis tri referaĵojn de tri profesiaj lingvistoj el tri aziaj landoj: ne tre okulfrape, sed certe kontentige. La aŭskultantaro, kontraste, ŝajnis ne tiel azieca kiel sugestas la konsisto de la tuta kongresanaro. Eble ĉi tiu fenomeno mem povas esti temo de movad-socia studo.

BAK Giŭan (Koreio) prelegis pri diversaj tipoj de lingvaj malfacilaĵoj de Esperanto por la koreoj ("Esperanto sentata de koreoj"). Li montris strukturajn diferencojn inter Esperanto kaj la korea en fonologio, morfologio, sintakso kaj semantiko, kaj tiel klarigis la kaŭzojn de oftaj eraroj de koreoj kontraste al la ortodoksa Esperanto. Kiel alian fonton de eraroj li menciis la influon de la angla, la unua fremda lingvo por la plimulto de la koreaj E-lernantoj. Al la verva tono de la preleganto la aŭskultantoj reagis per sinsekvaj intervenoj, interalie: ĉu la eraroj estas vere propraj al la koreoj? Ĉu PIV estas ĉiam fidinda por juĝi kio estas ortodoksa Esperanto? Malgraŭ ĉi tiuj metodologiaj demandoj la temo mem estas certe pritraktinda almenaŭ el la pedagogia vidpunkto.

GOTOO Hitosi (Japanio), kun la titolo "Kiel familiarigi vortojn? — Provo en Japanio", raportis pri sia labormetodo en la komisiono pri la nun preparata nova vortaro Esperanto-japana. Krom aliaj tradiciaj manieroj, li komputile kolektas datumojn necesajn por klarigi karakterizajn trajtojn de vortoj. Surbaze de la Zamenhofaj kongresparoladoj li pretigis konkordancon kun la ŝlosilvortoj en kuntekstoj, kaj demonstris per prova analizo kelkajn sintaksajn kaj semantikajn trajtojn de la vortoj *esperi* kaj *deziri*. La preleganto konsciis ke la Zamenhofaj lingvaĵoj ne ĉiam taŭgas kiel bazo de vortaro por lernantoj, kaj esprimis revon pri "korpuso", specimena tekstaro fidele reprezentanta la ĝeneralan lingvouzon.

Probal Daŝgupto (Hinda Unio) provoke traktis pli filozofian aŭ principan demandon pri la karaktero de esperantologio, kun la titolo "Lingvo stilo formo Azio". La elokventa preleganto enkondukis la noci-paron "lingveto" (facila kaj al ĉiuj alirebla) kaj "lingvego" (kompleta kaj senmanke uzebla), konsideris ĝin en rilato kun la distingoj skribo/parolo, desubismo/desuprismo ktp, kaj reformulis ĝin en la distingon mikrolingvo/makrolingvo laŭ la modelo en ekonomiko. Fine li proponis, interalie, redifinon de esperantologio kiel "facilologio", t.e. studo de ĉiaj lingvaj facilecaĵoj. Daŝgupto povintus plidetaligi siajn punktojn, por ke liaj argumentoj estu digestitaj de la aŭskultantoj kaj la diskuto estu fruktodona, sed la templimo malpermesis tion.

GOTOO Hitosi (Japanio)

# KOTIZTABELO DE UEA POR 1995

| Lando/valuto | MG | MJ(-T) | MA(-T) | SA | Kto | SZ |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Argentino/*guldeno* | 8 | 20 | 50 | 30 | 20 | 100 |
| Aŭstralio/dolaro | 12 | 30 | 75 | 45 | 30 | 150 |
| Aŭstrio/ŝilingo | 100 | 245 | 610 | 365 | 245 | 1220 |
| Belgio/franko | 290 | 720 | 1800 | 1145 | 765 | 3600 |
| Brazilo/*guldeno* | 8 | 20 | 50 | 30 | 20 | 100 |
| Britio/pundo | 6 | 14 | 35 | 22 | 15 | 70 |
| Bulgario/*guldeno* | 8 | 20 | 50 | 30 | 20 | 100 |
| Ĉeĥio/krono | 125 | 310 | 775 | 465 | 310 | 1550 |
| Danlando/krono | 55 | 140 | 350 | 225 | 150 | 700 |
| Finnlando/marko | 45 | 115 | 290 | 175 | 115 | 580 |
| Francio/franko | 50 | 120 | 300 | 190 | 125 | 600 |
| Germanio/marko | 14 | 35 | 87 | 55 | 37 | 174 |
| Greklando/drakmo | 1400 | 3400 | 8500 | 5400 | 3600 | 17000 |
| Hispanio/peseto | 800 | 2000 | 5000 | 3200 | 2100 | 10000 |
| Hungario/forinto | 500 | 1200 | 3000 | 1800 | 1200 | 6000 |
| Irlando/pundo | 5 | 13 | 33 | 21 | 14 | 66 |
| Islando/*guldeno* | 16 | 39 | 97 | 58 | 39 | 194 |
| Israelo/*guldeno* | 13 | 32 | 80 | 48 | 32 | 160 |
| Italio/liro | 11000 | 28000 | 70000 | 45000 | 30000 | 140000 |
| Japanio/eno | 1150 | 2880 | 7200 | 4320 | 2880 | 14400 |
| Kanado/dolaro | 12 | 29 | 72 | 43 | 29 | 144 |
| Korea Resp./*guldeno* | 12 | 31 | 77 | 46 | 31 | 154 |
| Nederlando/guldeno | 16 | 39 | 97 | 61 | 41 | 194 |
| Norvegio/krono | 60 | 150 | 380 | 230 | 150 | 760 |
| Nov-Zelando/dolaro | 15 | 38 | 95 | 57 | 38 | 190 |
| Pollando/*guldeno* | 8 | 20 | 50 | 30 | 20 | 100 |
| Portugalio/eskudo | 900 | 2300 | 5800 | 3700 | 2500 | 11600 |
| Slovakio/krono | 135 | 340 | 850 | 510 | 340 | 1700 |
| Sud-Afriko/*guldeno* | 14 | 35 | 88 | 53 | 35 | 176 |
| Svedio/krono | 70 | 170 | 425 | 255 | 170 | 850 |
| Svislando/franko | 12 | 31 | 77 | 46 | 31 | 154 |
| Usono/dolaro | 9 | 22 | 55 | 33 | 22 | 110 |
| *TARIFO A*/*guldeno* | 10 | 26 | 64 | 38 | 25 | 128 |
| *TARIFO B*/*guldeno* | 8 | 20 | 50 | 30 | 20 | 100 |

**ALIAJ LANDOJ: Luksemburgio laŭ Belgio; San-Marino laŭ Italio.**
**TARIFO A: Honkongo, Malto, Singapuro, Tajvano.**
**TARIFO B: Ĉiuj ceteraj landoj ne jam menciitaj.**

Por ĉiu validas la nuna loĝlando. La kotizoj validas por la kalendara jaro.

MG: Individua Membro kun Gvidlibro tra la Esperanto-movado
MJ(-T): Individua Membro kun Jarlibro (kaj ĝis inkl. 29 jaroj, membro de TEJO kun la revuo *Kontakto* sen plia abonpago)
MA(-T): Individua Membro-Abonanto: kiel MJ(-T) plus la revuo *Esperanto*
DM: Dumviva Membro: pagas por la tuta vivo 25-oblon de la kotizo MA; ricevas la Jarlibron, la revuon *Esperanto*, kaj ĝis inkl. 29 jaroj, la revuon *Kontakto*
SA: Simpla abono al la revuo *Esperanto*, sen membreco en UEA
Kto: Abono al la revuo *Kontakto*, sen membreco en UEA/TEJO
SZ: Kotizo por Societo Zamenhof: mecenata kategorio (aldoniĝas al alia kotizo; ne inkluzivas membrecon en UEA)
PT: Patrono de TEJO: pagas 3-oble la kotizon de MJ(-T) por subteni TEJO (ne inkluzivas membrecon); ricevas la revuon *Kontakto* kaj aliajn eldonaĵojn de TEJO

*Kongresa Temo:*

# Azio kaj universaleco

*Komplemente al la panorama artikolo de Probal Daŝgupto pri la kongrestemaj debatoj en la pasinta monato (sept., p. 143), kunreĝisoro YAMASAKI Seikô alportas sian kritikan raporton.*

La ŝlosil-noto de la originala rezolucio redaktita de Probal Daŝgupto estis universalismo kaj raciismo, kaj tio fidele spegulis la dominan opinion en kunsidoj pri la subtemo ekonomio. Tio tamen estis draste reviziita en la plena sesio al ties malo, emfazo de la familiaraj valoroj kaj tradiciismo, fare de nepartoprenintoj de la subtemaj diskutoj. Profesoro Daŝgupto, kiel neŭtrala reĝisoro, alprenis la ŝanĝojn, kaj mi, gvidanto de tiu subtemo, cedis — kiel bona demokrato — al la plimulto, sed klare deklaris nian malkontenton pri la fina teksto, ĉar la respekto de la minoritato estas unu el la angulŝtonoj de la demokratio.

Iuj ĉeestantoj parolis pri tradicio en Oriento de demokratio, sed la kerno de la afero estas kial ĝi fiaskis. Fakte, la citita japana ekzemplo entenis en si mem ĝermon de turniĝo en novan formon de servuto. La "modernigo" de Japanio ne forigis la feŭdan terproprieton, bazon de ĝia speciale feroca imperiismo, tiel ke oni devis atendi agraran reformon sub la usona okupado. Ĉiuj scias ke tio, kaj la profundiĝo de la interna merkato rezulte de reformoj en kapital-laboraj rilatoj kaj malkarteligo, ankaŭ devigitaj de Usono, estis la fonto de la postmilita sukceso de la japana industrio. La ĉinoj faris tion per si mem, revolucie, laŭ okcidenta filozofio Hegela-Marksa. Ambaŭ ekzemploj sufiĉas por montri la universalecon de la eŭropaj valoroj.

Tiu problem-konscio tute mankis al la plimulto de la partoprenintoj tiel okcidentaj kiel orientaj. Ĉio kunfandiĝas en orienta harmonio, sed funde kaŭras la serpentoj de korupto kaj fundamentismo.

YAMASAKI Seikô (Japanio)

*Honoraj Membroj:*

# Du distingitoj





**Ada FIGHIERA-SIKORSKA** (maldekstra foto) naskiĝis la 26-an de januaro 1929 en Pollando. En 1940 ŝia familio estis deportita en Sovetunion, de kie ŝia vojo iris tra Irano kaj Libano fine al Britio, antaŭ ol ŝi povis reveni al sia patrolando en 1948. (Ŝiaj rememoroj pri tiu tempo, *De tajgo al minaretoj*, aperis Esperante en 1991.) En Pollando ŝi studis polan filologion kaj laboris en eldonejo.

Eklerninte Esperanton en 1956 kun Julio Baghy en Varsovio, ŝi tuj ekaktivis movade: ŝi laboris en la gazetara servo de la Varsovia UK (1959) kaj, ekde la sama jaro, en la unua stabo de la Esperanto-elsendoj de Pola Radio. En 1960 sekvis edziniĝo al Giancarlo Fighiera, tiam konstanta kongresa sekretario de UEA, kun kiu ŝi transloĝiĝis al Britio por helpi en la preparlaboroj de la UK en Harrogate (1961). En 1962 komenciĝis ŝia vera vivoverko: ŝi fariĝis redaktoro kaj eldonanto de *Heroldo de Esperanto*. Dum 32 jaroj ŝi realigis jam pli ol 500 numerojn de tiu populara gazeto.

**Raymond GONIN** (dekstre) naskiĝis la 28-an de decembro 1913 en Francio. Malgraŭ blindeco ekde la infana aĝo, li atingis vastan klerecon, ekz. konon de pluraj lingvoj, kaj fariĝis licea instruisto. En 1930 li trafis lernolibron de Esperanto, entuziasme eklernis, kaj en 1932 jam partoprenis sian unuan UK en Parizo. Li estis unu el la iniciatantoj de Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj (LIBE), fondita en 1951. Li konstante ludis gravajn rolojn en LIBE, inkluzive prezidantecon (1969-1980) kaj, dum pli ol 30 jaroj inter 1958 kaj 1991, redaktadon de ĝia organo *Esperanta Ligilo* (vd. apr., p. 69). Li verkis instrumaterialojn, inter kiuj elstaras brajla kurso por franclingvanoj, funkcianta ekde 1958. Kun siaj edzino kaj filo li formas unu el la plej entuziasmaj, kleraj kaj aktivaj Esperanto-familioj en Francio. ★

*Blinduloj:*

# Sesdeka kongreso en Rusio

Ĝuste antaŭ la UK, de la 14-a ĝis la 21-a de julio, 123 partoprenantoj de la 60-a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj ĝuis la gastamon de sanatorio en la rusa urbo Kislovodsk. La kongresa temo "La brajla skribo nun kaj estontece" rezultigis rezolucion, direktitan al Monda kaj Eŭropa Blindulaj Unioj, kiu postulas ke blinduloj mem decidu pri la formo de sia skribo.

Dua rezolucio, adresita al la samaj organizoj kaj Internacia Poŝta Unio, petas sendoganan kaj senprokrastan trakton de sendaĵoj por blinduloj kaj egalrajtigon de porblindulaj leteroj kaj revuoj registritaj sur kasedoj kaj komputilaj disketoj.

En la programon eniris du kunsidoj de Ligo Internacia de Blindaj E-istoj, dum kiuj oni trovis solvon membrigi ankaŭ esperantistojn el eks-sovetiaj landoj. Raportoj pruvis ke en kelkaj el tiuj mankas eĉ brajla papero kaj lernejaj bezonaĵoj. La situacio restas danĝera en Taĝikio, el kiu venis unu kuraĝa instruistino.

Apartan laŭdon ricevis la organizantoj, i.a. Anatolij Masenko, kiuj en malfavoraj cirkonstancoj devis trovi eĉ alian loĝejon por la kongresanoj. Ankaŭ Nadja Ĵukova certe perdis multajn dormhorojn, brajlante tekstojn por 14 partoprenantoj — anstataŭ la antaŭviditaj du — de ŝia kurso pri la rusa lingvo.

**Nora kaj Rob Moerbeek**
(Nederlando)

*Ekumenismo:*

# La evangelio hodiaŭ

"Kiel hodiaŭ porti la Evangelion al Eŭropo kaj al la mondo?" Inter la 9-a kaj la 16-a de julio, en la pola Gostyń, pli ol 200 kredantoj el 20 landoj profundiĝis en tiu demando dum la 10-a Ekumena Kongreso E-ista, en kies kadro kunvenis ankaŭ anoj de Internacia Katolika Unuiĝo E-ista por sia 47-a kaj membroj de Kristana E-ista Ligo Internacia por sia 44-a kongreso.

Miloslav Šváček, ĉeĥa IKUE-sekciestro, enkonduke alvokis al disvastigo de la kristana mesaĝo, kio eblas "nur kun renovigitaj koro kaj spirito". Inter diversaj prelegoj, David Featherstone prezentis la evangelizan agadon de la unuaj kristanoj; E.J. Sitek parolis pri la pola beatulino Urszula Ledóchowska (1865-1939); Siegfried Krüger ilustris la malfacilecon de misia laboro per la vivo de Sadnu Sundar Singh (1889-1929), kiu ne apartenis al specifa eklezio, sed misiis en kvin kontinentoj. Vasile Albu rakontis la fondiĝon de rumana IKUE-sekcio.

La kongreson vizitis Jan Pawel Lenga, apostola administranto en Kazaĥio kaj Centra Azio, kiu parolis pri tiuj landoj helpe de sia esperantista sekretario.

**Laŭ raporto de Serio Boschin**
(Italio) en *Katolika Sento*

# Forumo



## Por inĝeniera pensado



En la artikolo "Stranga sekto eta" (junio, p. 113) Nikolao Gudskov trafe montris iun econ de la esperantisma movado pri kiu ni foje hontas konfesi: temas pri simileco al sekto. Estas sendube ke la aŭtoro rimarkigis ion veran, sed mi pretas pruvi ke tamen esence esperantismo diferencas de sekto.

Jes, esperantismo estas fakte *inĝeniera kaj ekonomia projekto por redukti la kostojn de internacia komunikado kaj dokumentado*, kaj ĝuste per tio ĝi principe diferencas de sektoj. Verdire, esperantismo nun troviĝas en plej komenca stadio de inĝeniera projekto, en la stadio de nura ideo, por kiu ankoraŭ necesas ellabori . . . nu, jes, tre multajn kaj gravajn partojn tipajn por ajna inĝeniera projekto. Do, mankas:

- pruvoj pri avantaĝoj de tiu ĉi projekto super la aliaj lingvoprojektoj kaj aliaj aliroj por solvi komunik-problemojn;
- financa bilanco de elspezoj kaj estontaj enspezoj;
- supozoj pri tio kies estos la elspezoj kaj kies la enspezoj; pri tio kiel trovi kaj konvinki la partoprenontojn por ambaŭ funkcioj;
- ŝtupoj kaj metodoj por ĉiu etapo de la projekto;
- kaj multaj, multaj aliaj aferoj sen kiuj neniu serioza (des pli grandioza) projekto efektiviĝas.

Mi opinias ke ĝuste manko de tiaj inĝenieraj konsideroj en esperantismo faras ĝin simila al sekto kaj nesimila al iuj aliaj gravaj teknikaj projektoj, kiel ekzemple la submara tunelo inter Britujo kaj Francujo, aŭ tutgloba satelita komunikado, aŭ ekspedicio de astronaŭtoj al Marso ktp.

Ĉu la paraleloj ŝajnas nekonvenaj? Do analizu ni. Esperanto kiel helpa lingvo por internacia komunikado celas multoble redukti la elspezojn por tradukado kaj por instruado de kelkaj mondolingvoj plenumantaj fakte rolon de internaciaj. Giganta celo, tamen komparebla kun, ekzemple, tunelo sub la Maniko, ĵus efektivigita post diskutoj dum pluraj jardekoj. Evidente, etapoj por la tunela projekto diferencas de tio kio karakterizas Esperanto-projekton. Pas-pago por la tunelo kaj abunda trafiko neeviteble kovros la elspezojn kaj garantios stabilan enspezon por ĉiuj interesitaj partioj, dum por Esperanto ekzistas nur nebulaj meditoj pri kiel ĝi povus bonfari por la tuta homaro. Se grandaj pontoj, tuneloj kaj kanaloj bonfarus nur por la tuta homaro kaj ne por konkretaj interesitaj investintoj (privatuloj aŭ kolektivoj), ili neniam estus konstruitaj. Bedaŭrinde, lingvouzado estas procezo tro distribuita por facile enkanaligi pagon por uzado kaj identigi fontojn interesitajn redukti financadon de tradukservoj kaj lingvoinstruado. Tiaj grandegaj internaciaj forumoj kiel Unuiĝintaj Nacioj kaj Eŭropa Parlamento nature altiras la atenton de esperantistoj kiel celoj al kiuj indas direkti la fortojn, plejparte propagandon. Sed ĉu per propagando eblas solvi tian problemon kiu postulas plurmiliondolarajn investojn, dum ne klaras kiam la profito de ĝi revenos, kaj al kiu?

Tradicie diskutataj metodoj por disvastigi Esperanton ordinare estas jenaj du: propagandi por la publiko la lingvon kun la supozo ke la homoj ekinteresiĝos kaj eklernos la lingvon; kaj konvinki influhavajn regnestrojn, atendante ke ili per sia potenco startigos financadon de la projekto.

"Konverti" popolojn fakte estas tipe "sekta" metodo. Sed niakaze por konvertiĝi necesas ellerni la lingvon, pli facilan ol aliaj sed *fremdan*. Mi scivolas kiom granda parto de popolo en averaĝa lando dum sia vivo kapablis ellerni almenaŭ unu fremdan lingvon; mi supozas ke temas pri io kiel unu dekono. Aliaj simple ne kapablas: por lerni fremdan lingvon necesas volo kaj iuj kapabloj. La fakto ke Esperanto estas kvin- ĝis dek-oble pli simpla ol ajna el la naciaj lingvoj ne ŝanĝas la situacion, ĉar eĉ kiel tia ĝi restas ja fremda kaj postulanta penan lernadon, ne nur simplan aliĝon al sekto. Kaj ĝi ne povas konkuri kun la profesia utilo kiun donas scipovo de unu el la mondlingvoj. Tial tiu ĉi aliro al la problemo estas eĉ pli naiva ol tiu de sektoj.

Duaflanke, kredo ke iuj aŭtoritatoj, se konvinki ilin je persona nivelo, kapablas aranĝi tiom grandskalan financadon nur surbaze de nebulaj avantaĝoj kiuj aperos multe pli poste ol la kvar- aŭ kvin-jara periodo de ilia regado, sonas ankaŭ nerealisme.

Do estas, estas vero en la pozicio de Nikolao Gudskov. Tamen sekteco de nia movado bonŝance ne estas ĝia esenca trajto. Ni povas kaj devas maturiĝi ĝis la nivelo de inĝeniera pensado kaj agado.

**Aleksandro Gofen (Rusio/Usono)**

# Reagoj

### Neologismoj: ne kaŝajn pafojn!

Mi certe konsentas kun Eskil Svane (apr., p. 75) ke la klara, logika *kaŝpafisto* estas preferinda al la malbela, tro haste proponita *snajpero*. Sed, se oni deziras apartan terminon, kial ne uzi la vorton de Zamenhof mem, *tiraljoro* (el la franca)? Ĝi troviĝas en PIV, en *Suplemento de PV* (1953) kaj eĉ en la E-angla vortaro (1967) de la tre konservativa M.C. Butler.

La afero pri neologismoj ne estas simpla; sed ni pridiskutu ĝin celante ekvilibron kaj moderecon, pensante pri la tutmonda esperantistaro, kaj, precipe, kun humileco antaŭ nia lingvo, kiu pli valoras ol viaj ideoj, miaj aŭ tiuj de sinjoro Iu Ajn.

**Marjorie Boulton (Britio)**

### Stelo kaj flago: plu senŝanĝaj!

Ni ne komprenas kial Á. Rátkai (majo, p. 90) ŝajne huraas pro la fakto ke, sen iel ajn konsulti la e-istaron, iuj reformemuloj trudis/-as

# Nia homfarita lingvo



Responde al la reago "Artefarita kontrastigo" de W. Verloren van Themaat (marto, p. 53) al mia "Mistiko — kaj sekteco" (dec. 1993, p. 208):

Nur pro la mencio ke ekzistas homoj — jes, eĉ lingvistikaj fakuloj — kiuj konsideras E-on "artefarita", Verloren van Themaat tuj sentis sin devigata "defendi" nian lingvon. Ĝuste kontraŭ tio mi volis averti en mia artikolo: ni ĉesu rigardi la mondon kiel dividitan en du interesosferoj, "e-istoj" kaj "eksteruloj".

Tiu ofta, eble natura sinteno de esperantistoj, sin mense enfermi kiel aparta grupo, elstaras en plej multaj cirkonstancoj. Laste mi notis tion en artikolo de R. Corsetti (nov. 1993, p. 181), kie li konstatis mirigite ke io "igis la kelkajn esperantistojn iusence nenecesaj ... ke Eco ... ensorbis ĉiujn argumentojn de la e-istoj, kaj rediras ilin tute normale *kvazaŭ unu el ni*" [mia elstarigo]. Kial do konsideri lin tiom eksterula? Ĉu ĉiuj homoj kiuj ne komprenas mian lingvon estu "eksteruloj"?

Sed mi volas paroli precipe pri la eterna demando de *natura* kaj *artefarita*. Ŝajnas al mi ke nia tuta homa kulturo estas nur ponto streĉita inter tiuj du polusoj, *artefarita* kaj *natura*, kaj tio validas ne malpli por ĉiuj lingvoj ol por Esperanto. Juda proverbo trafe atentigas ke: "la vero ne troviĝas je iu ekstremo sed ankaŭ ne en la mezo." Do ĝi nepre troviĝas ie inter la mezo kaj la du polusoj — kelkfoje eĉ tre proksime al unu el ili. *Natura* estas honorvorto kiun ni ĉiuj ŝatas, ĉar nenia dubo pri la vivo de io *natura* ekzistas. Natura lingvo kvazaŭ aksiome ne povas esti morta, almenaŭ tiel longe dum ekzistas homoj kiuj ankoraŭ parolas ĝin.

Kun *artefarita* ni havas iom pli da problemoj. Io *artefarita* ja povas esti entute morta kaj senviva, kiel ekzemple la idoloj priskribitaj de la profeto Jesaja: "Kiu faris dion, kaj fandis idolon, kiu nenion utilas? Ĉiuj partoprenintoj estos hontigataj ...",[1] aŭ male — ege proksima al la vivo, kiel ekzemple la "favorkresto" (ĉe Zamenhof: "fermoplato") de la kesto de interligo kun la du keruboj — tiel sukcese viva ke eĉ Dio "ĉeestas" en ĝia proksimeco, parolante "*el inter la du keruboj*"[2] al sia servanto Moseo. Kiam temas pri *kulturo*, ni trovas kutime ke ĝuste la "arte" edukita maniero kaj "pli ellaborita" konduto plej valoras, en kontrasto kun la "nude" naturaj ecoj, kiuj ofte konsideriĝas kiel krudaj, kelkfoje eĉ bestaj.

Laŭdkanton pri la naturaj lingvoj oni povas trovi ĉe Ivan Illich,[3] kiu opinias ke ĉiu lingvo aŭtomate mortas kiam oni starigas nacian *akademion,* kaj ke nur la dialektoj vere vivas. Oni facile konstatas ke kiam buŝa lingvo fariĝas skribata, tiam oni nepre devas enkonduki *entute homfaritan* (t.e. certagrade artefaritan) elementon, ĉar neniam alfabetoj ja ekzistas senpere en la naturo. Diversaj solvoj eblas pri la aranĝo inter la skribata kaj buŝa lingvoj, kaj tio sekve treege diferencas inter la kulturoj. Eble la ĉina skribsistemo proksimiĝas al la poluso de "artefariteco", ĉar ŝajne ĝi estas tre memstara de la buŝa uzado, sed oni apenaŭ povas konsideri ĝin malbona pro tio.

Ankaŭ Esperanton ni devas enĝustigi en tiun diagramon de ekzistantaj lingvoj. Unue ni povas konstati ke *dialekto* Esperanto certe ne estas — tute kontraŭe, ni tre timas ĝian eblan disdialektiĝon, ĉar tio detruus la tutan ideon malantaŭ la lingvo. Kaj kiu povas eĉ imagi Esperanton sen iu Fundamento aŭ sen la Akademio? Post forigo de ambaŭ, baldaŭ ekestus plena anarkio kaj ĥaoso en Esperantujo. En Esperanto regas la *skribata* lingvo super la *buŝa* pro multaj kialoj — sed tamen, ankaŭ la buŝa havas sian apartan vivon. Oni devas rekoni kaj substreki ke kelkaj ĉefaj ideoj vivnecese ekzistas en la fono de Esperanto. Tiu timo de disdialektiĝo estas unu, la alia estas la neceso de *kontrolata* evoluo, ĉar ni devas zorgi ke nia lingvo evoluu *per natura vojo* kaj ne *pro artefaritaj ŝanĝoj*.

Tria afero kiu rilatas al la celo de Esperanto, vole-nevole, iasence apudmetas ĝin al la "iomete mortaj" lingvoj. Esperanto celas nome esti nur *dua* (aŭ *x*-a) lingvo kaj ne la gepatra, kaj ideale oni alpropigos ĝin nur per lernado.

*Jen nia Esperanto!* Ni ne komparu ĝin kun la gepatraj naturaj medioj de la diversaj popoloj, sed nur kun intence kaj propravole *lernitaj* lingvoj. Mi pensas ke inter tiuj lingvoj Esperanto estas multe *pli viva* ol ĉiu alia substituaĵo, pli ĝi vivas ol tiuj erare komprenataj kaj malbone parolеblaj "fremdaj" lingvoj, negrave ĉu temas pri la angla aŭ la franca, aŭ iu alia. La demando restas: Ĉu ni devas forgesi ke nia *lernita* lingvo origine estis "homfarita"? Tio eble ne estas tiel urĝa. Sed ni devas ĉiam klarigi tre precize, ne nur por aliaj sed ankaŭ al ni mem, la demandon ĉu "nature" aŭ "arte" ĝi *evoluas.*

**Jeremi Gishron (Israelo)**

NOTOJ

1. Jesaja 44:10-11.
2. Eliro 25:22. *Biblia vortaro* (Ravenna: IABO, 1984) montras bildon de la kesto de interligo sur p. 527.
3. Illich, Ivan: "Vernacular Values", en *The CoEvolution Quarterly*, somero 1980.

---

en la Movadon la t.n. ovalan signon, per kiu ili arbitre plu anstataŭigas la de Zamenhof aprobitan verdastelan simbolon de Esperanto, jam pli ol cent jarojn rekonatan tia en la tuta mondo.

Rátkai implicite simpatias al "iu surprize nova, originala flago kun la [kia?] simbolo de Esperanto". Anstataŭ revadi kaj daŭre pledi por fantaziaj kaj skismigaj balastoj, la e-istoj devus ekskludе sin dediĉi al io pli pozitiva kaj pragmata, por serioze progresigi Esperanton kaj ĝian imanentan spiriton humanisman.

**Ramón Manau Torres kaj Vicente Hernández Llusera (Katalunujo)**

### Stelo kaj flago: ĉu tiom grave?

Ĉu vere la e-istaro ne havas pli gravajn problemojn ol diskuti pri simboloj? La nova simbolo estas moderna laŭ aspekto, sed diras nenion. Pro tio mi opinias ke al ĝi devas esti aldonita malgranda kvinpinta stelo, kiel jam uzas *Eventoj*, svedaj e-istoj, kaj ankaŭ nia Internacia E-Instituto.

**Mila v.d. Horst-Kolińska (IEI, Nederlando)**

*Eksteraj rilatoj:*

# Kion faris Unesko en 1993?

En decembro 1993, ĉi tiu revuo raportis la akcepton de nova rezolucio pri Esperanto, fare de la 27-a Ĝenerala Konferenco de Unesko. Tiun informon mi volas nun precizigi, ĉar pri tiu decido kreiĝis iom da konfuzo.

La decido de Unesko ne estas rezolucio en la sama senco kiel la du antaŭaj rezolucioj el 1954 kaj 1985. Anstataŭ akcepti la plenan tekston kiel agadplanon por la Ŝtatoj-Membroj, Unesko dissendas ĝin porinforme al ili kaj konsideras ĝin en la plenumo de sia programo, konforme al la aldonitaj notoj de la Ĝenerala Direktoro. (Tio cetere estas la sorto de la pli multaj rezoluci-proponoj en la Ĝenerala Konferenco.)

Tiel, do, neniu registaro havas la *devon* reagi al la proponoj en la teksto proponita de Italio. Tamen, eĉ ĉe rezolucioj tiu "devo" estas nur teoria. En la praktiko — kiel montras la sekvoj de la lasta, jubilea rezolucio — ĉio dependas plene de la laboro de la Esperanto-movado en la unuopaj landoj por aktivigi sian registaron. La saman konstaton faris la ĝenerala sekretario de la aŭstria Unesko-komisiono, Harald Gardos, parolante ĉe la 77-a UK en Vieno (1992).

UEA do proponis al la landaj asocioj utiligi tiun tamen favoran decidon pri Esperanto. Ni esperas ke almenaŭ en kelkaj landoj la registaro pretos aŭspicii raporton pri "la agado plenumita kiel sekvo de la rezolucio 11.11 de 1985, precipe koncerne la studprogramojn pri Esperanto kaj iliajn rezultojn", kiel proponis la itala teksto. Tiuj raportoj provizos bazon por plua paŝo ĉe la venonta Ĝenerala Konferenco en 1995.

Kompreneble, UEA ankaŭ sekvas la evoluon de la agadoj proponitaj de la Ĝenerala Direktoro en sia aldono al la itala teksto, aparte la provon de "Esperanto" Radikala Asocio organizi plurlandan instru-eksperimenton sub la aŭspicio de Unesko (vidu majo, p. 82).

**Mark Fettes**
**Estrarano pri eksteraj rilatoj**



*50-a IJK:*

# Vortobomboj kaj kultureroj

"La preparo de IJK estis mia tuta vivo. Eĉ mia edzino, kiun mi renkontis en Esperantio, kiam mi estis prezidanto de Korea E-Junularo (KEJ) kaj ŝi estis vicprezidanto, diris al mi: 'Vi vivas por IJK.' Ĉar kiam mi havis nupton, mi vidbendigis ĝin kaj ĝian ceremonian preparon, por propagandi la 50-an IJK en la 49-a IJK." Tiel rememoras LEE Jang-heon (Oha), prezidanto de la LKK kiu preparis la jubilean, ĉar 50-an, IJK. Dum la inaŭguro la nuna KEJ-prezidanto, Im Han-u, konfirmis: "Al koreaj junuloj mankas spertoj pri vere internacia kongreso. Pro tio [ni] pli zorgeme preparadis la kongreson."

Kiel do pasis tiu efike organizita Internacia Junulara Kongreso (la LKK-anoj ĉiam kunportis radio-interparolilojn) de la 30-a de julio ĝis la 6-a de aŭgusto ĉe la Universitato de Ch'ŏnan?

Precipe kulture. Konforme al la kongresa temo "Kia popolo, tia kulturo", la 241 partoprenantoj el 28 landoj povis elekti el abundo da koreaj — kaj aliaj — kulturaj programeroj: lingvokursoj, maskofarado, kaligrafio, koreaj ludoj, masaĝo, ĵonglado, paperfaldado, la korea batalarto *taekwondo*, ekskursoj (i.a. al folklora vilaĝo, kion montras la supra foto), dudeko da prelegoj (i.a. pri la proponata pronomo *ri*, pri diverslandaj vizitaj kutimoj, pri gejeco), kaj ĉiam alia "vespero": interkona, nacia, teatra, kanta, maskodanca, internacia . . .

Unu subsenco de "Kia popolo, tia kulturo" evidentiĝis jam ĉe la alveno. Laŭ rimarko de Rolf Ernst en *La svisa kanguruo*, koreoj certe surpriziĝis pri la interkisemo de eŭropanoj salutantaj samkontinentajn konatojn! Alia kultura diferenco: spite al la varmego (super 30 gradoj, kun aerhumideco de ĉ. 85%), koreoj neniam nudigas sian torson.

Spite kulojn, multaj babilis dumnokte ekstere. Azianoj ofte restis inter si. Laŭ Ernst, ili krokodilis "eble pro timemo". YASUE Miwa konfirmas tion, sed aldonas ke la timon kaŭzis "vortobomboj el buŝo de rapidparolantoj. Miaj oreloj ne povis adaptiĝi al la terura rapideco de okcidentaj paroladoj. Se ni vere pensas ke Esperanto estu internacia lingvo, . . . kapabluloj bezonas klopodi por reguligi parol-rapidecon." Tamen multaj junaj interkontinentaj amikecoj kreiĝis kaj perfote dokumentiĝadis.

**Laŭ raportoj de Rolf Ernst (Svislando), LEE Jang-heon (Koreio) kaj YASUE Miwa (Japanio)**

*Instruado:*

# Konferenco en Kangnam

Kiel kutime, Internacia Ligo de E-istaj Instruistoj (ILEI) kunorganizis edukajn programerojn de la UK.

En la kunsido de ILEI aperis 54 kongresanoj. Vicprezidanto Ronald Glossop kaj sekretario Marija Belošević prezentis la laboron de ILEI. Al la diskuto vigle kontribuis i.a. vic-sekretario Zhang Danchen (Ĉinio) kaj TAHIRA Masako (Japanio). Ni ricevis valorajn informojn el landoj ne facile kontakteblaj kaj promesojn fondi novajn landajn ILEI-sekciojn.

**Tago de la Lernejo**

Catina Dazzini raportis pri propedeŭtika eksperimento kunordigata de Carlo Bourlot en Torino, kiu daŭras en elementa lernejo ekde 1993/94 ĝis 1996/97: oni celas montri kiel du jaroj da E-o (tri horoj semajne) instruata en la dua kaj tria klasoj influas la postan lernadon de nova fremda lingvo. Edward Symoens, Hans Erasmus kaj Michael Cwik rakontis pri klopodoj influi politikistojn kaj edukajn gvidantojn en Eŭropo. Roman Dobrzyński klarigis la video-projekton Mazi (vd. ĉi-sube) kaj montris ĝian jam pretan parton.

**Internaciaj Ekzamenoj**

Al tri ekzamen-sesioj dum la UK, IJK, kaj la ILEI-konferenco aliĝis entute 33 kandidatoj, el kiuj sukcesis 28 el 20 landoj. (El 11 aziaj landoj venis 17 sukcesintoj.) Estas pensige ke plurfoje, post tre bone plenumita gramatika antaŭtesto, ekzamenatoj montris nesufiĉan konon movadan kaj literaturan.

**La 28-a Konferenco de ILEI**

En la 45-a ekzistojaro de ILEI 50 kolegoj el ĉiuj kontinentoj krom Afriko alvenis la Universitaton Kangnam, kiu disponigis al la konferenco du salonegojn, la necesajn teknikaĵojn, kaj senpagan buson dum la tuta semajno (30 jul.-6 aŭg.). La rektoro prezentis solenan vespermanĝon al ĉiuj partoprenantoj. Dank' al So Jinsu kaj la aliaj organizantoj, la konferenco havis eĉ propran emblemon, aĉeteblan sur glumarko.

Krom la temo "La aziaj edukado kaj kulturo", kunsidoj traktis korespondajn kursojn, instruadon al difinitaj aĝgrupoj, farendaĵojn post kursofino. A. Orellana Rojas gvidis Cseh-seminarion.

Kunsidis la komitato de ILEI, sed ĝiaj decidoj ankoraŭ ne estas diskonigeblaj pro necerteco de la kvorumo. La konferenco akceptis kvar rezoluciojn, kiuj i.a. subtenas la projekton Mazi kaj alvokas UEA pli forte subteni ILEI-agadojn.

Marija Belošević



# Ĉu Mazi gastos en Esperantujo?

**En aprilo (p. 66) ni informis pri la plano de Internacia E-Instituto realigi vidbendan E-kurson per esperantigo de "Muzzy", filmserio de BBC, en kiu la kosma estaĵo Muzzy travivas aventurojn en Gondolando. Intertempe Muzzy fariĝis Mazi. Jen redaktita mallongigo de la radia intervjuo kiun Andrzej Pettyn faris kun Tomasz Wojciechowski, reprezentanto de BBC-English en Varsovio kaj estro de la eldonejo *Tommy*.**

*Kiel okazis ke la Mazi-kurso, vaste konata pro la instruado de la angla, trovis vojon al via eldonejo?*

Membro de la skipo adaptanta la Mazi-kurson por Pola Televido prezentis la ideon ke oni taŭgigu ĝin por Esperanto.

*Kiel ĉi tiu kurso estis akceptita en aliaj landoj?*

Laŭ esploroj de BBC ĉ. du miliardoj da homoj rigardis ĝin en la angla. Mi substrekas ke oni jam adaptis Mazi por instrui la francan, germanan kaj hispanan. Ĉio dependas de lerta adapto de la baza teksto, kion en nia kazo tre bone faris la renoma didaktikisto Stefan MacGill.

*Onidire Mazi celas infanojn.*

Ĉe instruado de fremda lingvo estas malfacile diri kio celas infanojn, kio plenaĝulojn. Ankaŭ multaj gepatroj lernis la anglan pere de Mazi.

*Per kio la E-lingva Mazi diferencas de la baza angla kurso?*

Ni aldonis ekzercan parton kun la frazmodeloj instruitaj en la antaŭaj scenoj. La dublado estas bonega, dank' al e-istaj aktoroj kiel Kalina Piękiewicz, Andrzej Tomecki kaj Jerzy Fornal. Vi mem legas kelkajn prononc-modelojn.

*Ĉu la eldonejo Tommy metis iujn kondiĉojn por la produktado?*

Ni devas minimume rericevi la produktokoston. Ni ne povas riski, tiu sumo devas unue veni al IEI.

*Mi aŭdis ke IEI bezonas 800 antaŭpagitajn mendojn ĝis la jarfino.*

Mi ne dubas ke venos vasta subteno, ĉar la projekto indas tion.

*Miaj nepo kaj nepino jam rigardis la unuan lecionon kaj eklernis kun granda entuziasmo. Mi intencas donaci al ili kompleton de la kurso, kaj mi pensas ke same povus fari aliaj e-istoj kiuj havas genepojn aŭ gefilojn.*

La UEA-konto de IEI, al kiu indas kaj gravas pagi 50 usonajn dolarojn (kun 5%-a rabato super 10 kompletoj) por antaŭmendi la 180-minutan, 12-partan kurson ĝis la fino de 1994, estas "iein-q". Adreso de IEI: Riouwstr. 172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando. ★

*Premio Deguĉi:*

# Dankvortoj de Claude Piron

**Kiel ni raportis en septembro, la Premio Deguĉi de Oomoto, aljuĝita por la oka fojo, ĉi-jare distingis la verkiston kaj aktivulon Claude Piron. La dankparoladon kiun li sendis al la Seula UK ni publikigas kun nesignifaj mallongigoj.**

[...] Kvankam mi ne sentas min inda je tiu premio, mi ĝojas, ke ĝi ekzistas. Mi ĝojas, ĉar mi kredas je Esperanto. Mi kredas, ke tiu lingvo estas multe pli valora ol la plimulto el la esperantistoj konscias. Mi kredas, ke ĝi solvos multe pli da problemoj en la estonteco de la homaro, ol estas ĝenerale imagate, eĉ inter ni. Mi kredas, ke ĝi povas forigi multajn suferojn, pri kiuj homoj ne konscias, kaj kiuj estas ligitaj al la manko de interkomprenilo. Tion mi komprenis, kiam mi profesie devis ekrilati kun rifuĝintoj. Por taŭge fari mian laboron kun ili, mi devus scii la kurdan, la amharan, la albanan, la serbokroatan, kaj kiom da aliaj lingvoj! Mi lernis multajn lingvojn, sed trovi min reduktita al plena senpoveco manke de komuna lingvo montriĝis treege malĝoja travivaĵo, apenaŭ elportebla. Kaj jen foje alvenis albanlingva rifuĝinto el Kosovo, kiu, kelkajn monatojn antaŭ ol forlasi sian landon, eklernis Esperanton. Kvankam lia regado de la lingvo estis ankoraŭ tre limigita, tiu povis rakonti sian suferon al mi, tiun mi povis helpi, kun tiu mi povis amikiĝi. Kun tiu mi povis havi normalan homan rilatadon. Kun la aliaj ne.

En tiu okazo, kiel en multaj aliaj, mi perceptis, ke Esperanto estas unu el la konkretiĝoj de la Bono. Mi kredas je la Bono. Multaj, niaepoke, taksos min pro tio fi-idealisma, fuŝmistika, naiva, ia ajn. Al mi estas egale. Mi kredas je la Bono. Kaj, male al multaj homoj, mi kredas, ke Bono tute ne simetrias kun Malbono, sed ege superas ĝin. Malbone konstruita domo disfalas. Bone konstruita rezistas al la atakoj, eĉ plej teruraj, de naturaj fortoj. Tial mi havas neniun dubon pri la estonteco de Esperanto. Se oni komparas ĝin kun la aliaj rimedoj interpopole komuniki, estas klare, ke ĝi estas la plej bona.

Ekzistas, resume, tri sistemoj de internacia komunikado. Unu burokrata, unu faŝisma, unu demokratia. La burokrata sistemo estas tiu de la internaciaj organizaĵoj, kiel UN aŭ la Eŭropa Unuiĝo. Kiel ĉiuj burokrataj sistemoj, ĝi uzas gigantajn kvantojn da papero, tempo, mono, elektro, homa energio, por mizeraj rezultoj. Per ĉiu vorto tradukata en la Eŭropa Unuiĝo eblus savi la vivon de tri infanoj, kiuj mortas ie en la mondo pro diarea malsano. Se mi aldonos, ke tiu burokrataro tradukas 3,6 milionojn da vortoj ĉiutage, vi tuj komprenos, kiel socie neakceptebla estas tiu sistemo de komunikado, la burokrata.

*Mi kredas ke Esperanto estas multe pli valora ol la plimulto el la esperantistoj konscias.*

La faŝisma sistemo estas tiu, en kiu unu lingvo, kaj sekve unu kulturo, unu nacio aŭ grupo de nacioj, ricevas monopolan pozicion, ne pro la enaj kvalitoj de la koncernaj lingvo aŭ kulturo, nur pro politikaj, ekonomiaj kaj similspecaj faktoroj, kiuj neniel rilatas al la postuloj de lingva komunikado kontentiga por ĉiuj. Tiun sistemon oni povus nomi ankaŭ la ĝangala, ĉar, senkonsidere pri iu ajn homa justeco aŭ eĉ pri la postuloj de la praktika vivo kaj de saĝa ekonomia agmaniero, la plej forta grupo kaptas la povon, diktas la normojn, kaj devigas ĉiujn aliajn obei, adapti sin, sklave sekvi eĉ plej absurdajn detalojn en la maniero vortigi la pensojn. Tia estis la sistemo komuniki per la franca en la deknaŭa jarcento, tia estas la internacia uzo de la angla en la nuna. Tiu sistemo, kiu privilegias la anojn de unu kulturo, kaj, en la cetera mondo, la anojn de difinitaj sociaj tavoloj, havas multajn fiajn efikojn, kiujn mi ne povus listigi nun, sed kiuj kreas en la mondo danĝerajn fuŝ-ekvilibrojn, se diri nenion pri la katastrofaj kulturaj konsekvencoj de tia lingva sintrudemo.

Kaj al la burokrata sistemo, kaj al la faŝisma mankas unu el la ĉefaj ingrediencoj de homa boneco, nome sento. Ili estas sensentaj sistemoj. Mankas al ili ĉefe kunsento, kompato, sento pri justeco kaj komunika komforto, konsidero al la bezonoj de tiuj, kiuj estas etaj kaj malfortaj, sento pri homa digneco kaj pri la rajto de ĉiu, egale kiel malriĉa aŭ neinteligenta tiu estas, renkonti iun, kiu aŭskultos kaj komprenos, iun, kun kiu eblos senprobleme komuniki.

La tria sistemo estas la demokratia. Ĝi nomiĝas Esperanto. Kiel ĉio demokratia, ĝi havas multajn mankojn, multajn malperfektaĵojn. Sed ĝi tamen estas la plej justa, la plej efika, la socie kaj psike plej kontentiga sistemo. Unuvorte, ĝi estas bona. Kaj tial ĝi supervivos la aliajn. La burokrata sistemo kaj la faŝisma sistemo disfalos, ĉar mankas al ili la baza ekvilibro, sen kiu ne eblas daŭri.

Mi dankas Oomoton. Ke ĝi elpensis ĉi tiun premion, tio montras, ke ĝi komprenis unu aspekton de la Bono, kaj sekve la gravecon de ĉia laboro celanta konsciigi la homaron pri tio, kie situas ĝia bono sur la kampo lingva. Kaj ĉar la lingvo estas la bazo de ĉia homa rilatado, lingva bono estas bono en interhomaj rilatoj. Ĉar interhomaj rilatoj estas la bazo de la tuta socia vivo, taŭga, efika, justa, psike kontentiga lingva komunikado inter la popoloj estas la ĝis nun ĝenerale ne konsciata bazo de harmonio en la rilatoj inter Nordo kaj Sudo, inter Oriento kaj Okcidento. Kaj ne necesas akcenti, kiom tiu harmonio necesas, se ni volas, ke la homaro vivu alimaniere ol laŭ plej primitivaj kondiĉoj, se ni volas, ke ĝi eliru el la ĝangalo, evitu la tentan sed voreman kirloakvon de burokrateco, kaj komencu vivi juste, frate, amike, kiel taŭgas al ĝia plej profunda naturo, alivorte: home. [...]

Claude Piron



# Etimoj nepre konsultindaj

**Etimologia vortaro de Esperanto.** Volumo 2: E-Ĵ kaj Volumo 3: K-M. Ebbe Vilborg. Malmö: Eldona Societo Esperanto, 1991 kaj 1993. 114+128p. 24cm. Po 30,00 gld. (Volumo 1: A-O aperis en 1989; vd. rec. en apr. 1991, p. 74.)

Jen la sola scienca esplorado pri la etimologio de la tuta oficiala Esperanta vortaro. Por ĉiu vorto Vilborg donas: la nacilingva(j)n vorto(j)n laŭ kiu(j) la E-vorto formiĝis; parencajn vortojn en Ido, Interlingue kaj Interlingua; la historion de la koncerna(j) fontvorto(j) nacilingva(j). Krome abundas notoj pri ĉio atentinda, inkl. pra-Esperantajn formojn.

La laboro estas tre zorge farita. Tamen kelkfoje mi preferus vidi indikon de necerteco pri praoriginoj kaj pli zorgan preparon de la teksto. Ekz. pri la vorto *hebreo* ni legas

> El Aramea *'ebrâyâ,* responda al He *'ibrî* "persono el trans (la rivero)", de *'êber* "la transa regiono", kp *'âbar* "transiri".

Nu, enŝteliĝis pluraj eraroj. "Aramea" devas esti "Arama". La nomo de la antikva lando estis *Aram*, la -e- estas nur adjektiva indikilo en la fontlingvoj hindeŭropaj. Pli grave: la arama kaj hebrea vortoj עבריא/עברי/עבר ĉiufoje estas mistransskribitaj per *'br(y)* anstataŭ *'br(y)*. La komenca litero ע estas la litero *'ayin*, kutime transskribata per ', ne la litero *alef* transskribata per '. La vokaloj estas tre dubaj, precipe la *â* kaj *ê*. Ĉi tiu estas lingvistike tre grava eraro, kvankam por la hazarda rigardanto apenaŭ rimarkebla. Sed la donita etimologio ja celas esti lingvistike preciza, ĉu ne? Ankoraŭ pli grave, kial Vilborg elektis tute ne mencii la interrilaton de la koncerna vorto kaj la egipta *ĥabiru*, pri kio ekzistas tre granda literaturo? Kial neniu mencio pri la **ĥapiru*? La signifo "persono el trans (la rivero)" por עברי ne troviĝas en la antikva hebrea lingvo, kaj estas nur (neverŝajna) konjekto. Parenceco al la similaspekta verbo עבר "transiri" estas tre duba. Nu, Vilborg verŝajne kopiis el nacilingva etimologilibro — sed el nefidinda.



*Ebbe Vilborg*

Kompreneble la granda plejparto de niaj vortoj havas pli certan etimologion, aŭ mankon de konata etimologio, kaj la koncernaj tekstoj de Vilborg estas multe pli fidindaj. Oni jam rimarkigis ke li ne ĉiam elektis la plej oftajn kaj trafajn anglajn vortojn en siaj etimologioj. Diversfoje ne estas tute klare kial Vilborg preferis unu etimon al alia. Ekzemplo: kial *konkeri* estas "bazita ĉefe sur F[ranca]"? La angla *conquer* kaj la franca *conquérir* ŝajnas al mi egalaj fontoj de la Esperanta verbo.

Kompreneble plej interesa estas la pritrakto de la kvazaŭ (aŭ vere) inventitaj Esperantaj vortoj, kaj speciale tiu de specifaj Esperantaj signifoj de internaciaj vortoj, kiel la tre instrua kapvorto "krokodili".

Malgraŭ ĉiuj harfendoj miaj, la verko de Vilborg estas gravega aldono al la esperantologio, kaj nepre konsultinda.

**Donald Broadribb** (Aŭstralio)

# Monumento de monaĥa studlaboro

**Ordbok svenska-esperanto.** Ebbe Vilborg. Malmö: Esperantoförlaget, 1992. 15+478p. 21cm. Bind. 99,90 gld.

Tre longe oni atendis novan svedan-E–vortaron. Jen aperis la frukto de grandega laboro de la multjara lingvolaboranto Ebbe Vilborg.

La amplekso de (laŭ la antaŭparolo) 50 000 artikoloj certigas bonan kovron de la ĝenerala lingvaĵo kun utila kvanto da prifaka vortprovizo el la ĝenerala lingvaĵo. La vortaro estas "aktiva", do por uzantoj kiuj regas la svedan kaj deziras aktive uzi Esperanton. Ĝi ne informas E-scipovantojn pri ekz. la gramatikaj trajtoj de svedaj vortoj. Malgraŭ tiu silenta premiso la vortaro jen kaj jen ankaŭ postulas ke la uzanto kapablu mem distingi certajn alternativojn en E-o sen klarigo, ekz. *amerikanisera → uson(ec)igi*, kie nenio helpas decidi ĉu diri *usonigi* aŭ *usonecigi*. Bonan regon de Esperanto premisas ankaŭ la kazoj en kiuj la signifo de la Esperanta vorto estas pli ĝenerala ol tiu de la etnolingva: en *ackompanjatör → akompananto* la sveda vorto nepre implicas muzikan sencon, sed ne la Esperanta.

Laŭ mia impreso Vilborg tre ofte ĉerpis el aliaj vortaroj kaj el la propra (tre sperta, sed ja individua) intuicio tie kie profesia leksikografio insistus detale observi la faktan lingvouzon. Ekz. *deadline → fikstempo, fikshoro* estas tute ebla, sed ja mankas la tre kutima, tre ofte observebla vorto *limdato* kun variantoj kiel *limhoro*.

En maloftaj kazoj la traduka metodo misgvidas, kiel en *språkgemenskap → komuneco de lingvo*, kie — laŭ mi mise — estis supozita eca signifo, sed ĝi fakte estu aĵa: *lingvokomunumo*. Pli bedaŭrindaj estas morfemopaj tradukoj, kiuj malobservas la vortgramatikon de Esperanto: *prisvärd → prezinda*, uzita en la senco "kiu valoras sian prezon", laŭ la Esperanta gramatiko fakte havas la signifon "inda prezi".

La recenzanto nevole mencias la malmultajn neperfektaĵojn en maro da perfektaĵoj. Tio ne forprenu la ĝeneralan impreson ke Vilborg ja verkis tre valoran kaj por multaj vojmontran instrumenton. Se mi tro kritike pesas lian laboraĵon, do pro tio ke ĝi pluvivas kiel monumento de studĉambra monaĥlaboro en epoko kiam profesiaj metodoj kiel perkomputila tekstar-analizo iĝas alireblaj por privatuloj kaj sveltbuĝetaj organizaĵoj. Tre bona verko, kiu jam montras la vojon al estonta eĉplibonigo.

**Klaus Schubert** (Germanio)

## Duone magra, duone riĉenhava

**Pocket Esperanto Dictionary English-Esperanto, Esperanto-English.** Dr. Andrew McLinen. Gdynia: Lingua, 1992. 392p. 16cm. 28,50 gld.

Post la apero en Britio de la dua eldono de *Concise Esperanto and English Dictionary* de J. C. Wells en 1992, iom surprize aperis samjare, en Pollando, poŝvortaro por la angla-lingvaj esperantistoj. Ankaŭ ĝi estas dudirekta, kaj pro la poŝa formato vere taŭgas por ĉiutaga uzo.

La aŭtoro mencias en sia antaŭparolo ke la parto angla-Esperanta enhavas 42 000 vortojn kaj parolturnojn. Kaj fakte: tiu parto (p. 1-303) estas vere riĉenhava — des pli ĉar ja temas pri *poŝ*vortaro. Ĝi nepre superas, amplekse, tiun de Wells (ne temas pri komparo de kompetenteco de la du vortaristoj). La parto E-angla (p. 304-392) estas magra. Legante modernajn E-tekstojn gazetarajn, beletrajn aŭ sciencajn, nuntempa uzanto certe tuj konstatos la limojn de *tiu* parto. Estintus bone se la aŭtoro enmetus pli da kunmetitaj formoj kaj certan kvanton da neologismoj.

Tiu "tikla demando" — neologismoj — ne devas fortimigi la leksikologon registri novajn vortojn ĝuste en la parto Esperanto-nacia lingvo. Kial do? Tutsimple: la uzanto nepre volas ekscii la ekvivalenton de renkontita vorto, ĉu fundamenta, ĉu komun-uza, faka aŭ neologisma. Oni povas, eĉ devas, esti singarda proponi en la parto nacilingva-E tro da neologismoj, ĉar ĉiu vortaristo iel ja *rekomendas* la registritan vortostokon, tutsimple pro la fakto ke li enmetis ĝin. La plejmulto de la uzantoj fidas la aŭtoritaton de la leksikologoj. Kaj tial, vere, la leksikografo de E-vortaro metas sin sub altgrade respondecan ŝarĝon.

La parto angla-E enhavas novajn vortojn kaj nociojn ekz. el komputiko, aviado, elektroniko, medicino. La uzanto de la vortaro trovas tiajn nov-datajn esprimojn kiel *AIDS* (aidoso), *to back up (COMPU)* (duoble kopii, konservi), *ballyhoo* (brua propagando; sekvaeldone la aŭtoro aldonu la verbajn formojn: brue propagandi, tamtami pri), *biathlon (SPORT)* (biatlono), *cursor (COMPU)* (kursilo, kursoro), *EEC* (Eŭropa Ekonomia Komunumo), *kiwi (fruit)* (kivio) kaj dekojn da aliaj nov-vortoj. Konklude: tre laŭdinda faro!

Tamen, la aŭtoro kelkfoje iom supraĵe, eble senzorge eĉ, enmetis nebone konstruitajn formojn. Eraraj estas ekz. la ekvivalentoj de *food poisoning*, kion li tradukas per "nutra venenigo" (ĝuste: nutraĵvenenigo), kaj de *botulism*, "kolbasvenenigo" (ĝuste: botulismo). Konklude: ie-tie senzorge farite.

Kelkfoje eniĝas en la sliparon de la leksikologo diraĵoj ne tro komunuzaj. Kial do traduki *American football* per la ĝeneraliga "amerika pilkoludo" kaj ne per la trafa "usona futbalo"? Kaj ĉu *body-building* oni traduku per "konstruo de korpo" mi iom pridubas. Kial ne diri ekz. "korpohardado [per ĉeaparata trejnado k.s.]"? Konklude: korektendaĵoj por iu dua plibonigota eldono.

Por finkonkludi: D-ro McLinen prezentis bonan kaj modernan verkon (la etaj malglataĵoj ne malpliigas ĝian valoron kaj uzeblecon, kiu estos grava helpilo por ĉiu anglalingva e-isto. La parto angla-E estas tute laŭ mia gusto, la parton E-anglan la aŭtoro pliampleksigu.

**Erich-Dieter Krause (Germanio)**

## Helpilo por stilvario

**Esperantaj sinonimoj.** Jaan Ojalo. UEA/Fundación Esperanto, 1993 (dua korektita eldono). 96p. 21cm. 15,00 gld.

Ĉiu verkanto en Esperanto de temp' al tempo sentas bezonon uzi sinonimon aŭ preskaŭsinonimon por variigi sian stilon. Kaj ĉar veraj sinonimoj, t.e. vortoj kiuj 100%-e egalsignifas, maloftegas en nia lingvo, ĉiu parolanto ofte sentas bezonon uzi specifan vorton . . . kaj ne povas trovi ĝin. Kelkfoje radiko bonŝance estas akompanata de (preskaŭ)sinonimo(j) post sia difino en *Plena Ilustrita Vortaro*, sed plejofte ne. Do kien sin turni? La senprokrasta respondo estas: al ĉi tiu reviziita verko de Jaan Ojalo.

Kompreneble neniu vortaro povas esti tute kompleta. Sed kun preskaŭ 5500 vortoj listigitaj, ĉi tiu plenumas la bezonojn de normalaj konversacio kaj verkado, kaj estas tre taŭga fonto por pligrandigi onian vortoscion.

La verko estas tre zorge korektita, komposteraroj ne facile troviĝas, la elekto de vortoj pritraktendaj estas neriproĉebla. Enestas kaj oficialaj vortoj kaj neoficialaj, ankaŭ "neologismoj" poeziaj kaj nepoeziaj. Kompreneble por plenvalorigi ĝin oni bezonas konsulti ankaŭ fidindan difinvortaron, ekzemple *PIV*-on, kiu estis ĝia bazo.

Mi havas du proponojn por plia prilaboro: unu estas fari el la verko veran *tesaŭron*, kiu kategoriigas la (preskaŭ)sinonimojn laŭ signifo. La dua estas surdiskigi la enhavon, por ke komputilantoj povu uzi ĝin — relative facila tasko. La enkomputiligo de vortaroj ankoraŭ ne fariĝis ofta en Esperanto. Sed certe ĉiu nova vortaro kompilata nuntempe kaj estonte devus ekzisti en kaj surdiska kaj surpapera formoj.

**Donald Broadribb (Aŭstralio)**

## Por trajnvojaĝo

**Fervoja terminaro Esperanto-germana.** Bremen: Terminara Komisiono IFEF/Fervojista Sekcio (GEFA), 1993. 183+188p. 21cm. 23,70 gld.

*Fervoja Terminaro* prezentiĝas kiel materialabunda fakverko, kiu pliriĉigas la proponadon en la kampo de terminaroj. Ĝi estas suplemento al la plurlingva *Lexique Général des Termes Ferroviaires*. Ĉar fervojisto estas inĝeniera profesio, ĝi estas unuavice teknika vortaro. Ĝi proponas nur esceptokaze novvorton kaj respektas PIV. Ĝia ĉefa servo do estas determini kiun vorton uzi en difinita cirkonstanco. *Fervoja Terminaro* estas plaĉa libro en du partoj: E-o/nacilingvo, nacilingvo/E-o. Per ĝi la fervojistoj povas defendi sian jam akiritan pozicion por E-o ĉe siaj institucioj. Ĝi valoras ankaŭ por klientoj de fervojoj, kiuj devas havi ĝustajn esprimojn por siaj transportbezonoj.

**Werner Bormann (Germanio)**



# Laste aperis

**Apprendre des langues étrangères.** Edward Symoens (1915). En la franca. Trad. Françoise Drouard. Antwerpen: FEL, 1994. 63p. ISBN 90-71205-53-3. 21cm. Traduko de la E-Dokumento "Al nova internacia lingvopolitiko: la propedeŭtika valoro de Esperanto". 4,20 gld.

**Egaleco kaj paco per Esperanto. Nybörjarkurs i Esperanto.** Lars Forsman (1938). Karlskoga: la aŭtoro, 1993. 125p. 21cm. Ilus. Lernilo por svedlingvaj komencantoj. 19,50 gld.

**Ekparolu Esperanton! 150 paŝoj kun etaj legaĵoj.** Lars Forsman (1938). Skövde: Al-fab-et-o, 1994. 52p. 21cm. Paroligaj ekzercoj, kaj tekstetoj kun informoj pri la E-kulturo. Kun klarigoj en E-o kaj la sveda. 9,90 gld.

**Esenco kaj estonteco de la ideo de lingvo internacia** (1900). L.L. Zamenhof. Jekaterinburg: Ruslanda E-isto, 1994. 53p. 21cm. Eseo kun "profundeco de penso, potenco de logiko, klaro de saĝo" (Waringhien). 6,00 gld.

**Kunkulponoj** (1985). Willem Bijsterbosch. El la nederlanda trad. H. Stuifbergen. Amsterdam: Tia libro!, 1993. 118p. 15cm. Bind. Geja romaneto kun subnorma lingvaĵo. 12,60 gld.

**Kunvojaĝu.** Paul Gubbins (1949). Pisa: Edistudio/ILEI, 1993. 239p. ISBN 88-7036-050-4. 22cm. Bind. Internacia, ne aŭtodidakta lernilo por studentoj kaj plenkreskuloj, kun pleja emfazo pri komerco kaj praktikaj utiloj de Esperanto. 30,00 gld.

**Lingua fantastica, La.** Itallingva. Red. kaj trad. Giulio Cappa (1951). Aosta: Keltia Editrice, 1994. 307p. 21cm. 26 tutpaĝaj ilustraĵoj. Enkonduko de Harry Harrison. Antologio de sciencfikciaj rakontoj Esperantaj, de 13 aŭtoroj. 33,00 gld.

**Ludoviko Zamenhof. Esperanto-lernolibro kun ekzercoj por progresantoj.** Lars Forsman (1938). Karlskoga: la aŭtoro, 1993. 57p. 21cm. Ilus. La tema bazo de la lernilo estas la vivo de Zamenhof. 12,60 gld.

FEB, 1989 (2-a eld.). 544p. 23cm. Moderna, ampleksa vortaro kun multaj esprimoj kaj ekzemplofrazoj. 29,70 gld.

**Sorobano. Utila aritmetika ilo.** Tôkyô: Ligo de per-sorobana edukado, 1987. 24p. 26cm. Pri la uzmaniero de japana kalkulilo. 4,50 gld.

**Stratoj de Aŝkelono, La.** Harry Harrison (1925). El la angla trad. William Auld. Jekaterinburg: Ruslanda E-isto, 1994. 24p. 21cm. Sciencfikcia novelo de e-ista aŭtoro, Honora Patrono de UEA. 4,50 gld.

**Ŝamanoj en la kosmo.** Bernard Golden (1925). Triesto: Triesta E-Asocio, 1994. 43p. 21cm. Ilus. Sciencfikcia romaneto. 15,00 gld.

**Ŝlosilo ukraina.** Drogobiĉ: Ukraina E-Eldonejo, 1994. 31p. 20cm. 3,60 gld.

**Tendaraj tagoj. Kajero 3.** Stefan MacGill (1948). Budapeŝto: ILEI/UEA/HJEA, 1994. 76p. ISBN 963 04 3957 3. 29cm. Ilus. Situaci-komunika lernolibro, unuavice por lernantoj inter 10- kaj 14-jaraj. 18,00 gld.

**Unuaj 25 jaroj en mia memoro, La.** Gerrit Berveling (1944). Breda: VoKo, 1994. 80p. 21cm. Aŭtobiografio: la vivo de junulo en Nederlando de 1944 ĝis 1969. 10,80 gld.










*Jen tri novaj, belaj lerniloj por diversaj aĝgrupoj inter 0 kaj 100 jaroj.*

**Esperanto pentru începători.** Ignat F. Bociort (1924), Mioara L. Dobre. Timişoara: Univ. din Timişoara, 1992. 151p. 24cm. En la rumana. 80-paĝa studo pri interlingvistiko kaj lingvopolitiko, kiun sekvas enkonduko en la lingvon. 9,00 gld.

**Gunkela vortaro.** Claus J. Günkel (1963). Paderborn: Eŭropa Klubo, 1994. 44 p. 21cm. Kelkcento da kapvortoj post-PIV-e registritaj aŭ nove proponataj, kaj da propraj nomoj. 4,80 gld.

**Kongreso de la Popoloj.** El la franca trad. Jacqueline Lépeix. Paris: SAT, 1994. 125p. 20cm. Dokumentoj pri la historio, celoj kaj agado de mondanisma forumo. 13,80 gld.

**Kritiko de la tezoj neantaj la progreson de la literaturo kaj arto – Informo kaj arta progreso.** Ignat F. Bociort (1924). Timişoara: Univ. din Timişoara, 1983. 19+25p. 21cm. Du studoj. La unua E-lingva kun germana resumo, la dua germana kun E-a resumo. 4,50 gld.

**Malantaŭ la muro – puzleroj pri Ĉinio.** Sabira Ståhlberg (1969). Tokio: Internacia Kultura Laborejo, 1994. 72+6p. 21cm. Ilus. Vojaĝaj spertoj en Ĉinio inter 1986 kaj 1993. 18,00 gld.

**Mil unuaj vortoj en Esperanto.** Heather Amery. Londono: E-Asocio de Britio, 1994. 62p. 31cm. Ilustris Stephen Cartwright. Bind. Kolora bildvortaro kun babiligaj kaj ridigaj situacioj, por diversaĝaj infanoj. 31,50 gld.

**Neniu estonto sen interreligia paco.** Komp. P. Dvořáková. Tábor: la kompilinto, 1994. 41p. 21cm. Tekstaro eldonita okaze de la 1-a Interreligia Seminario E-ista. 6,60 gld.

**Nordmara duopo.** Albert Goodheir (1912), Rejna de Jong. Glasgow: Kardo, 1994. 28p. 21cm. Elektitaj poemoj de "poeto de dolmenoj" kaj "poeto de polderoj" (W. Auld). 6,60 gld.

**Novo dicionário Português-Esperanto.** A.K. Afonso Costa (1914). Brasília:

**Vizito en zoologia ĝardeno kie la bestoj parolas Esperanton.** Frédéric Le Magadure (1932). Brest: Ar Skol Vrezoneg, 1994. 31p. ISBN 2-906373-27-3. 21cm. Dulingva (E-bretona) rakonto de bestĝardena vizito por infanoj. Kun 20 fotoj. 15,60 gld.

**DIVERSAĴOJ**

**Glacoafiŝo por aŭto.** 130x10cm. Travidebla. Kun la vortoj "Esperanto internacia lingvo". 7,50 gld.

**MENDU ĈE LA LIBROSERVO DE UEA,** Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando. Bonvolu atenti ke al ĉiuj netaj prezoj de libroj sendotaj al adresoj en la Eŭropa Unio aldoniĝas 6%, al tiuj de diskoj, insignoj k.s. 17,5% pro la aldonvalora imposto. Al ĉiuj netaj prezoj aldoniĝas 10% por sendokostoj. Minimumaj sendokostoj estas 5 gld. Antaŭdankon pro via mendo!

*Kino:*

# Stratbatalo en Tajlando






**ATENTU: Per ordono Kolonelo Quile de la Armeoj de la Nacio Aliancanoj. Ekde la sepa horo estas elir malpermeso en Shadaloo urbo. Malobservantoj estos arestitaj. Rezistantoj estos tuj pafitaj.**

*Jen la teksto de trilingva afiŝo kiun UEA-membro Alexandru Almaşan fotis en Tajlando, dum li servis tie en plurnacia taĉmento (li staras meze sur la foto). Ĉu Esperanto estas nun uzata, eĉ se iom erare, ĉe internacia soldataro? La 26-jara rumano klarigas jene:*

Mi ĵus restadis du monatojn en Bankoko, la tajlanda ĉefurbo. Serĉante laboron, mi malkovris ke oni varbas figurantojn por la usona filmo *Streetfighter* 2 ("Strata batalanto"). Oni dungis min por pluraj roletoj, kaj mi kunfilmis dum deko da tagoj kiel unu el la 150 eksterlandaj statistoj.

*Ĉu la uzo de Esperanto en la filmo iel rilatas al via partopreno?*

Tute ne, temas pri koincido. Kiel iu kunlaboranto informis min, la celo estis roligi lingvon neidentigeblan por la publiko, kvazaŭ ĝi estus la lingvo de la lando kie okazas la intrigo. Tial, apud la angla kaj la franca, oni uzis Esperanton sur rekvizitoj kiel ŝildo "Malpeza biero", aŭ postiĉa gazeto kun la titolo *La Ĵurnalo*, en kiu tamen nur la ĉefaj titoloj estis Esperantaj, ĉio alia aperis en la taja.

*Pri kio temas la filmo?*

Pri tio ke iu stulta riĉulo batalas kontraŭ la "Aliancitaj Nacioj" de la mondo, sed la ĉefrolanto, Jean-Claude Vandamme, volas mortigi lin. . .

*Ĉu vi efektive aperos en la filmo?*

Mi ne scias kiujn scenojn oni muntos en la finan varianton. Tamen, ĉar mi rolas specialan oficiron kiu apartenas al la stabo de Vandamme, oni certe vidos min kiel komputiliston en iu batalsceno, kaj alian fojon kiam mi jubile krias kun nigrulino el fenestro. Ŝajnas ke oni pretigos, kaj eble prezentos, la filmon fine de 1994. ★

## Internacia Kongresa Universitato

En Tampereo havos lokon la 48-a sesio de IKU, kie rajtas prelegi universitataj profesoroj, lekciistoj, aŭ simile kvalifikitaj personoj. Ili estas invitataj sendi siajn prelegproponojn al la sekretario de la IKU-komisiono, prof. d-ro Hans Michael Maitzen (Endemanngasse 6-18/1/24, AT-1230 Wien, Aŭstrio): maks. 200-vortan resumon de sia prelego, plus simillongajn biografion kaj bibliografion. La prelegoj prefere (ne devige) rilatu al la kongresa temo "'Ni la popoloj' — unu mondo aŭ disaj eroj". La elektitaj prelegantoj ricevos modestan honorarion, sed ne repagon de la vojaĝkostoj, kaj ili devos mem aliĝi al la kongreso. Aparte bonvenas kandidatoj junaj aŭ ankoraŭ ne prelegintaj en IKU. *Limdato por kandidatiĝo:* 15-a de januaro 1995.

Aldone al la tradiciaj IKU-prelegoj, Akademio Internacia de Sciencoj de San Marino kaj UEA esploras la vojon okazigi specialajn universitatajn kursojn de AIS. Temas pri prelegoj, je populara nivelo, kiuj konsistigu seshoran koheran kurson pri temo pli vasta ol permesas la kutima IKU-kadro. Ankaŭ ĉi-temajn proponojn sendu al la supra adreso.

# Loke



**Bosnio: Malgraŭ ĉio**

Malgraŭ la daŭra militado en Bosnio kaj Hercegovino, kaj kvankam al la urbo Teslić alvenas nek revuoj nek informoj, la loka E-societo reaktiviĝis, kunvenante en ĉiu merkredo. Ĉefkunveno okazis la 16-an de majo. Tion ni eksciis el letero de Gradimir Kragić, kiu jam pasintjare sukcesis veni al la Valencia UK.

**Estonio: Trideka BET**

La 30-an fojon okazis Baltregionaj E-Tagoj (BET), en la kurac- kaj banurbo Pärnu (24-30 jul.). Cento da partoprenantoj alvenis, plejparte el Baltio (duono el Estonio mem), kelkaj el Finnlando, Germanio, Svedio kaj Usono — sed el Rusio nur unu. (J. Ojalo, *E-lehti*)

**Germanio: Subtera agado**

Varbafiŝoj de Berlina E-Junularo estis videblaj en la vagonaroj de du Berlinaj metrolinioj. Sur malhelblua fono oranĝkoloraj literoj anoncas: "Ĉiu lando estas interesa". Sekvas listo de 157 landnomoj, sloganeto "Esperanto — la lingvo" kaj kontaktadreso. (*GEJ-Gazeto*)

**Italio: Ĝardenista semajno**

Krom granda artikolo en la gazeto *La Stampa*, stacioj radiaj kaj televidaj raportis ke laborbrigado de e-istoj el Bulgario, Ĉeĥio, Hungario kaj Italio reordigis, inter la 17-a kaj 24-a de julio, la ĝardenon de la fama vilao Bela Rosin en Torino. (*La Eta Gazeto*)

**Japanio: Kantoa kongreso**

La programero plej impona por la 64 partoprenantoj de la 43-a Kantoa Kongreso (25-26 junio, Tokio) estis prelego de Mian Mahmood Shany, pakistanano vivanta en Japanio, pri sia lando kaj ties E-movado.

La E-Centro de Nagoya ĵus lanĉis Fonduson YAMADA Tenpû por libroeldonado kaj ankaŭ aliaj celoj, dank' al donaco de heredintoj de tiu fama esperantisto. (*La Revuo Orienta*)

**Kubo: Jubileo ĉe televido**

La nacia televido trifoje raportis en junio pri la 15-jariĝo de Kuba E-Asocio, intervjuante la prezidantojn de la nacia kaj ĉefurba estraroj. Kameraoj deĵoris ankaŭ ĉe la Unua E-a Medicina Kunsido (Havano, 13-14 junio), por kiu Kuba E-a Medicina Agado varbis prelegojn i.a. pri la masaĝo Yumeiho kaj pri homeopatia kuracado de psoriazo. (A. García Fumero)



**Ĉinio: Somera E-semajno**

La someruma urbo Qinhuangdao (provinco Hebei) gastigis inter la 15-a kaj 21-a de aŭgusto 55 e-istojn el 15 provincoj, kiuj ne nur agrable naĝadis, grimpis la Grandan Muron kaj ekskursis (surfote), sed ankaŭ viglis en paroliga kurso kaj movadaj diskutoj. (ĈEL)

**Slovakio: Ĉu Poprad pereis?**

En januaro (p. 18) ni raportis ke Slovakia E-Asocio devas sanigi siajn financojn. Fine de februaro klariĝis ke ĝia E-Centro en Poprad fakte akumulis ŝuldon de miliono da kronoj (ĉ. 56 mil gld.), al kiuj ĝis aprilo eĉ aldoniĝis pluaj 178 mil (ĉ. 10 mil gld.). En marto la konsilantaro de SEA decidis likvidi la centron ĝis la 1-a de julio, kaj kovri la ŝuldojn per vendo de ĝiaj du domoj. Tamen, ankoraŭ mankas oficiala aprobo por la venda kaj aĉeta kontraktoj. La sidejo de SEA nun estas ĝia nova oficejo en Bratislavo (Račianska 80, SK-831 02), ĉe kiu jam okazis (2-6 jul.) la 13-a Internacia Literatura Forumo de LF-koop, pri la Esperanta kabareto. (*E-isto Slovaka*)

**Ukrainio: Rebrila *Stelo***

Dum sia kvina kongreso (28-29 majo, Ĉernihiv) Ukraina E-Asocio elektis novan konsilion. Ĉi-okaze aperis *E-ukraina konversaciilo* de A. Koroleviĉ kaj ukraina ŝlosilo (havebla ĉe UEA) de V. Pajuk. Somere restartis la eldono de la belaspekta, trimonata revuo de UkrEA, *Ukraina stelo*, kiun ĉefredaktoro Vasyl Stanovyĉ lanĉis en 5 mil ekzempleroj. Jara abono kostas 30 gld. al UEA-konto "ueeq-t", sed provkajero senpage haveblas (str. P. Orlyk 3A, UA-293720 Drohobyĉ).

Viktor Pajuk aperigis ukraine la novelojn *La ĉokolada biskvito* de Sten Johansson kaj *Kia la semo* de Georgo Kamaĉo en la ĵurnaloj *Ternopil večirnij* resp. *Rusalka dnistrova.*

**Usono: 25 jaroj en San-Francisko**

Honore al la 25-jariĝo de la someraj kursoj ĉe la Ŝtata Universitato de San-Francisko kaj omaĝe al Cathy Schulze, kiu ilin daŭre vartis, la urbestro, Frank M. Jordan, proklamis unue la semajnon 15-21 de februaro, kaj poste la 27-an de junio, "Tagoj de internacia amikeco" en sia urbo.

Al la jubilea kursaro (27 jun.-15 jul.) aliĝis 66 studantoj ne nur por kleriĝi ĉe Duncan Charters, Stefan MacGill kaj Joachim Werdin, sed ankaŭ (almenaŭ kelkaj brazilanoj) por vidi matĉojn de la futbala mondĉampionado.

# Fake




**Ekologio: Etika engaĝo**

Kontraŭ unu respondkupono mendeblas ĉe UEA la anglalingva teksto de la "Etika engaĝo al tutmonde ekologiaj sinteno kaj konduto", rekomendanta la alprenon de E-o, kiun subskribis centoj da neregistaraj organizaĵoj en junio 1992, dum la UN-Konferenco pri Medio kaj Evoluigo en Rio-de-Ĵanejro (vd. okt. 1992, p. 161).

**Instruado: Rusa propedeŭtiko**

Inter la 23-a kaj 28-a de junio okazis en Sankt-Peterburgo, kun subvencio de UEA, la 3-a Internacia LOI-seminario ( = Lingve Orientada Instruado), kiu kolektis 60 personojn el 12 urboj de Rusio, Ukrainio kaj Kazaĥio. Oni konstatis ke ekzistas bazo por plivastigo de la LOI-eksperimento, kiu en 1993/94 ampleksis 17 instruistojn el 5 eks-sovetiaj landoj, kun 233 lernantoj. Estas promesplena la kunlaboro kun ILEI, UEA kaj E-Radikala Asocio, kaj financa subteno de la sveda fondaĵo E-o Por Lernejoj. (*Movado*)

**Katolikismo: Varbe valora konferenco**

Dum la 92-a Germana Katolika Konferenco (29 jun.-3 jul., Dresdeno) preskaŭ 200 homoj ĉeestis meson en E-o, kuncelebratan de helpepiskopo György Jakubinyi el Alba Iulia (Rumanio). Jakubinyi, kiu en 1991 pledis por E-o en Vatikana sinodo (vd. marto 1992, p. 57), opiniis antaŭ 500-kapa publiko ke E-o necesas kaj plej taŭgas kiel neŭtrala internacia lingvo, por eviti lingvan imperiismon. Ĉe la E-informstando oni disdonis milojn da flugfolioj kaj vendis pli ol 100 lernolibrojn kaj broŝurojn. Aktivuloj intervjuiĝis ĉ. 10-foje por gazetoj kaj radioj. (U. Matthias)

**Kulturo: *LF* 25-jara**

25 jaroj, 150 numeroj: jen duobla jubileo por la dumonata kultura revuo *Literatura Foiro* (CP 232, CH-6830 Chiasso 1, Svislando), kiun eldonas LF-koop kaj redaktas Perla Martinelli. En la Budapeŝta kulturcentro Fáklya, kun subvencio de la svisa kultura fondaĵo Pro Helvetia, ekspozicio kronikis la kvaron-jarcenton de *LF* per spritaj karikaturoj de Giancarlo Mangini. Ĉi tiu prezento estis nur unu ero en tuta jubilea semajno en Budapeŝto (10-16 septembro), kiu startis per la dutaga Dua Danuba E-Rendevuo de LF-

Foto: Franĵo Veuthey




*Post la fino de grandioza Eŭropa Ĵamboreo en la nederlanda Dronten, la 11-an de aŭgusto vigla grupo de francaj skoltoj fortrinkis la oranĝsukan provizon de la Centra Oficejo. Samuel Gaillard (meze, sube) instruas E-on naturmetode al ĉi tiuj geknaboj el Clermont-Ferrand.*

**Informado: "Hura por Esperanto!"**

Sub tiu titolo, en duonpaĝa amplekso, la multlingve aperanta *Unesko-Kuriero* publikigis en julio-aŭgusto leterojn de kvin aktivuloj, kiuj trafe refutis la aserton de Peter Mühlhäusler ("Reekzameni Babelon", en la februara numero) ke "multaj e-istoj esperis . . . ke E-o iam fariĝos . . . la *sola* lingvo de la mondo".

La ĵurnalo *La Opinión* de Murcia (Hispanio) publikigis en julio kaj aŭgusto 12-lecionan kurson de la loka delegito, José Luis Pérez Óvilo. Samperiode ankaŭ dumviva membro Pedro Magaña Erosa sukcesis enigi tutan serion da artikoloj pri E-o en la gazeton de sia granda meksika loĝurbo, Chihuahua.

La plej grava lingvistika revuo de Argentino, *Idiomanía*, publikigis dupaĝan artikolon de informada fakdelegito Enrique Kohei pri Esperanto. Kohei ankaŭ pretigis elementan vidbendan kurson por hispanlingvanoj, kiu estas adaptebla al aliaj lingvoj. (M.S. Solís)

La leterkampanjo de britaj aktivuloj rezultigis, krom ĉio jam raportita (jul.-aŭg., p. 127), E-rilatajn materialojn en la tutlandaj gazetoj *Financial Times, Sunday Telegraph, Spectator, Scotsman* kaj *Morning Star*. Subtenan respondon sendis pluraj konataj politikistoj, i.a. Douglas Hurd kaj Ian Paisley; dekkvino da eŭrokandidatoj sciigis ke ili jam lernis almenaŭ iom da E-o. (*La Brita E-isto*)

# Persone



# Anoncetoj

Deziras korespondi kaj interŝanĝi poŝtmarkojn 62-jara pensiita instruisto: S-ro Sri Soedono Pr., Jl. Suryoputran 41, Yogyakarta 55131, Indonezio.

Nova adreso de Internacia Societo de Amikeco kaj Bonvolo: D-ro S. J. Drake, 9538 Summerfield Street, Spring Valley, San Diego County, CA 91977-2852, Usono.

15-jara mezlernejanino, skolto de 7 jaroj, kiu "amas ĉion kion amas gejunuloj", ŝatus korespondi kun gejunuloj tutmonde. Dušanka Korotaj, Kolarovec 48, HR-42208 Cestica, Kroatio.

### Kamaĉo: Buŝa sekso

Hispanaj kinejoj nun projekcias la dokumentan longfilmon *Sexo oral* (Buŝa sekso) de Chus Gutiérrez, kiu konsistas el kvindeko da interparoloj kun diversaĝaj hispanoj pri sekso. Unu el la intervjuitoj estas akademiano Georgo Kamaĉo, kiu okupas la kinejan ekranon dum pli ol tri minutoj.

### Rössler: Progresas *Evoluo*

Franz-Georg Rössler, germana e-ista muzikisto, verkis en 1990 komisie de la renoma Societo por Nova Muziko Mannheim, laŭ Esperanta teksto de Rikardo Ŝulco, la kantaton *Evoluo* por miksita ĥoro, prezentitan en la sama jaro. Maje de 1994 la ĥoro Mainzer Figuralchor akiris per tiu "Esperanta" peco la unuan premion en konkurso de la plej bonaj ĥoroj germanaj.

### Schödl 85-jara

La 31-an de oktobro Ludwig Schödl festos sian 85-an naskiĝtagon. Ni gratulas la elstaran esperantiston, kiu agadis jam antaŭ 1933 en Germana Laborista E-Asocio, en GDR sukcese luktis por la reagnoskigo de Esperanto, kaj, verkante la unuan E-lernolibron en GDR, prelegante, gvidante multajn kursojn, iĝis unu el ties gvidaj aktivuloj.

koop. Giorgio Silfer prelegis pri "La E-literaturo post PIV", István Nemere gvidis dulingvan vojaĝon tra la lastatempa E-beletro, kaj vespermanĝo kunigis tridekon da iamaj kaj nunaj studentoj de la E-fako de Universitato ELTE.

### Literaturo: Ĉu novaj Piĉ-verkoj?

Iltis-Eldonejo (Pf. 1530, DE-66365 St. Ingbert, Germanio) bezonas antaŭmendojn por eldoni tri ampleksajn verkojn de Karolo Piĉ: *Kritiko kaj recenzistiko de Esperanto*, la esearon *La interna vivo de Esperanto* kaj la romanon *Ordeno de verkistoj*. *(Iltis-Letero)*

### Radio: Varsovio ankaŭ satelite

Ekde la 28-a de marto la elsendoj de Pola Radio estas aŭdigataj ankaŭ per la satelito Eutelsat II F 3. (Teknikaj detaloj: 16 gradoj de la orienta latitudo; frekvenco 11 080 GHz; polarizado horizontala; aŭdofrekvenco 8,28 MHz.) Ĉiudimanĉe je 12.30 laŭ mezeŭropa tempo aŭdiĝas E-elsendo nur per satelito (ripetata je 15.30 per la tradiciaj frekvencoj). La sorto de tiu ĉi elsendo dependas de la nombro de skribaj konfirmoj pri aŭskultado.

Aliflanke, la radio perdis en julio la mezan ondon 1503 kHz. Reagoj pri la ŝanĝiĝinta aŭdebleco povus rezultigi instalon de anstataŭa ondolongo. (*Parolas Varsovio en E-o...*)

### Religio: Miraklaj relikvoj

Kolora faldfolio pri "La eŭkaristia miraklo de Lanciano" senpage mendeblas ĉe: Santuario del Miracolo Eucaristico, IT-66034 Lanciano, Italio. Ĝi prezentas pli ol 1200-jarajn relikvojn kaj la sciencajn esplorojn pri ilia aŭtenteco.

### Sindikatoj: E-o en belgaj staĝoj

Dum sindikataj staĝoj en la belga regiono Namuro, la Esperanto-fako de la tutbelgia socialismema sindikataro ABVV-FGTB kutimas atentigi pri la kulturaj kaj lingvaj problemoj de sindikata kunlaboro. Rezulte, pluraj staĝanoj eklernis E-on. La iniciatinto, André Martin, proponas ke oni simile kunlaboru kun sindikataj trejnistoj en aliaj landoj. (G. Pirlot)

### Tradukado: Konsultatoj serĉataj

Kunlaborante pri germana tradukscienca fakvortaro kun kelklingva terminaro (i.a. en E-o, pri kiu li respondecas), Dr. Detlev Blanke (Otto-Nagel-Str. 110, DE-12683 Berlin) serĉas konsult-kontakton kun e-istaj traduksciencistoj.

### Universitatoj: Disertaĵoj distingotaj

Disertacioj esperantologiaj aŭ interlingvistikaj, ellaboritaj en la spirito de L.L. Zamenhof kaj Ivo Lapenna, kaj oficiale akceptitaj de universitata instanco en 1994, povas kandidati por la Stipendio Ivo Lapenna, kies minimuma sumo estas 100 svisaj frankoj. La aŭtoroj petu la regularon ĉe Torben Svendsen, Vanløse Alle 57, 1 tv, DK-2720 Vanløse, Danlando. La disertaĵoj mem estu senditaj, antaŭ la fino de februaro, al d-ro Klaus Perko, Lendkai 111, AT-8020 Graz, Aŭstrio.

La E-asocio kaj la Universitato de Triesto komune starigis la disertacian premion Miramar, kun la sumo de 2 milionoj da italaj liroj (ĉ. 2200 gld.), kiu estos ĉiujare asignata al doktora disertaĵo, defendenda ĉe itala universitato, kiu rilatas al la lingva problemo, interlingvistiko, E-o aŭ esperantologio. Unuafoje la premio estos transdonita dum la Zamenhofa tago en 1996, al persono kiu doktoriĝis, dum la akademia jaro 1994/95, pri "La lingva problemo kaj adopto de neŭtrala lingvo". Detala regularo ĉe Triesta E-Asocio, C.P. 601, IT-34100, Trieste.

Komenciĝis tria semestro por la plurnacia korespondа studantaro ĉe la Esperanta fako de Universitato ELTE en Budapeŝto: inter la 5-a kaj 10-a de septembro ili aŭdis prelegojn de Michel Duc Goninaz, István Ertl, Katalin Horváth, Ilona Koutny kaj Zsuzsa Varga-Haszonits pri lingvistiko, interlingvistiko kaj literaturo.

# Nekrologoj

**Jesse BURKE** (1920-1994), iama fakdelegito, mortis la 5-an de januaro en San Diego (Usono).

**Roland H. HEGEN** (1930-1994), dumviva membro, fakdelegito pri humanismo en Elmstein (Germanio), prizorginto de Esperanto-Centro Humanismo en Iggelbach, mortis antaŭ nelonge.



**Clara de HESS** (1910-1994; foto supre), elstara aktivulino en Argentino, pereis akcidente la 21-an de julio ĉi-jare. Ŝi kunfondis en 1941 Argentinan E-Ligon kaj helpis starigi dekojn da E-societoj en la lando, kiujn ŝi poste konstante vartis. Kun sia edzo Jorge Hess ŝi gvidis kursojn en Eŭropo kaj Latin-Ameriko. Fakdelegito de UEA pri vegetarismo, ŝi estis tutlande konata kiel aŭtoro de sukcesaj kuirlibroj hispanlingvaj.

**Daniel Balasingham JESUDASON** (1925-1994), fakdelegito pri instruado kaj turismo en Nugegoda (Srilanko), forpasis la 1-an de aŭgusto. E-isto ekde 1979, li fondis kaj animis E-Centron Srilankan.

**Eugeniusz MATKOWSKI** (1912-1994), antologia poeto, mortis la 2-an de aprilo en Gliwice (Pollando). Lia poezio aperis en revuoj kaj en unu volumo, ankoraŭ havebla: *Poemoj* (1960). En 1939 li devus eklabori ĉe *Literatura Mondo*, sed la mondmilito malhelpis la enposteniĝon. Post la milito li gvidis multajn kursojn. En 1965 li forlasis la movadon, sed en 1991 li reaktiviĝis verkante kaj kiel vicredaktoro de la revuo *Monda Diskutilo*.

**Yngve NILSSON** (1916-1994), prezidinto de Sveda Laborista E-Asocio ekde la fino de la 70-aj jaroj, forpasis en Uppsala la 4-an de junio. Li verkis korespondan kurson kaj respondecis pri la E-elsendoj de loka radio.

**Rade PETKOVIĆ** (1915-1994), delegito en Šibenik (Kroatio), mortis antaŭ nelonge. Li kunfondis la lokan klubon kaj laboris ĉe la Primoŝtena Esperanto-kampadejo.

**Sigurd PIOTROWSKI** (1927-1994), multjara gvidanto de la libroservo en Danio, mortis la 1-an de aŭgusto en Herlufmagle.

**Mihail I. POPESCU**, fakdelegito pri lingvoj kaj radio-amatorismo en Bukareŝto, kunverkinto de gazeta kurso en la 50-aj jaroj kaj longtempa aktivulo, pereis januare en aŭta akcidento.

**Berend POSTHUMUS** (1916-1994), nederlanda fervojista aktivulo, mortis la 30-an de junio.

**Hans Amund ROSBACH** (1924-1994), pastro, forpasis la 13-an de junio en Skien (Norvegio), kie li estis delegito. E-isto ekde 1939, li aktivis kiel ĝenerala sekretario de Norvega E-ista Ligo (1947-50), redaktis *Skolta Mondo* kaj tradukis religiajn himnojn. Plurfoje li celebris diservojn dum E-kongresoj.

**XU Shanshu** (1922-1994) forpasis la 7-an de aŭgusto en Pekino. Li estis konsilanto de Ĉina E-Ligo, vicprezidanto de Pekina E-Asocio, vic-estro de *El Popola Ĉinio* kaj ĉefredaktoro de *La Mondo*. En la lastaj jaroj li kompilis la verkon *Bakin kaj Esperanto*, kiu aperos baldaŭ ĉe Ĉina E-Eldonejo.

# Oficiala informilo

NOVJORKA OFICEJO DE UEA
AMIKOJ (minimume $10): Hispanio: Josep Castelltort i Riba; Rafaela Urueña de Hernández. Norvegio: Elna Matland.

PATRONOJ DE TEJO 1994
Belgio: Antoine J. Mechelynck. Britio: Ian Jackson. Ĉinio: S-ro Koralo Chen (Chen Shan). Hispanio: Josep Castelltort i Riba; Rafaela Urueña de Hernández.

SOCIETO ZAMENHOF 1994
Britio: Ian Jackson; Judith Jackson; Robin Jackson. Ĉinio: Wang Jing Rong; Wang Xue. Germanio: Gisela Macioszek. Hispanio: Josep Castelltort i Riba; Rafaela Urueña de Hernández. Litovio: Paul K. Jegorovas. Svedio: Tomas Jansson. Ukrainio: Evgenij Kovtonjuk. Usono: Arnold Victor; Doris Vallon-Wheeler.

DONACOJ 1994 (gld.)
ĝis la 31-a de aŭgusto

**Asocia Kapitalo:** Heredaĵo G.J. Rodenhuis-Bol 89 550,18. Sumo ĉi-jara: 89 550,18.
**Fondaĵo Afriko:** Nederlando: (por 2-a Togolanda Kongreso) A.J. ten Hagen 2000,00. Sumo ĉi-jara 4932,72.
**Fondaĵo Canuto:** Japanio: (por aziaj e-istoj) Y. Hori 35,10; T. Huzita 35,10; T. Iwamoto 35,48; S. Koga 35,10; Y. Morita 35,48; T. Murata 35,48; Z. Nagaoka 35,10; I. Nakamura 35,10; M. Nakata 35,48; T. Nisikawa 35,48; H. Onda 35,10; M. Saiki 35,10; T. Saitou 35,48; Y. Sakamoto 35,10; R. Sasaki 35,10; T. Suganami 35,10; N. Takahasi 35,48; Y. Takase 35,48; M. Yamazaki 177,40; Y. Yazaki 35,10; S. Yamazoe 35,10. Nederlando: W.C. Keizer 100,00. Svislando: A. Calienes 130,28. Sumo ĉi-jara 10 658,03.
**Ĝenerala Kaso:** Aŭstrio: K. Reinisch 111,58. Svedio: U. Luin 230,00. Diversaj malgrandaj 3,60. Sumo ĉi-jara 4608,60.
**Fondaĵo Grabowski** (en usonaj dolaroj): J.F. Sotera 100,00. Sumo ĉi-jara 568,75.
**Propaganda konto:** Diversaj malgrandaj 9,75. Sumo ĉi-jara 109,75.
**TEJO:** Japanio: S. Nagura 68,18. Sumo ĉi-jara 222,03.
**Volontula fondaĵo:** Kanado: M. McCall 29,44. Sumo ĉi-jara 365,19.

**Al ĉiuj tre koran dankon!** UEA